ilei

Driemaandelijks tijdschrift. Afgiftekantoor: Antwerpen X.
ISSN 1013-2031
Jarkolekto 29 - trimonata
1/99

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj



**Redaktoro:**
Jozefo Németh

**Vicredaktoro**:
Katalin Smidéliusz

**Kunlaborantoj**:
Stefan MacGill,
Johano Kirsch,
Françoise Noireau,
Atilio Orellana Rojas,
Franz-Georg Rössler

## Enhavo



## Estraro de la Ligo

**Prezidanto:** Maŭro La Torre, Dipartimento di Scienze dell'Educazione, Terza Universitá di Roma, Via del Castro Pretorio, 20, IT-00185 Roma, Italio. Tel. +39-06-4957805, fakso: +39-06-4452642. <m.latorre@uniroma3.it > *Interlernejaj projektoj, komunikiloj, terminaro, reprezentado.*

**Vicprezidanto**: Stefan MacGill, Bethlen Gábor u. 2, HU-2030 Érd, Hungario. Tel. +36 23 364 198. *Lerniloj, komunikiloj.*

**Sekretario:** Atilio Orellana Rojas, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag. Tel. +31 70 355 6677, fakso: +31 70 358 4422. <iei001@worldonline.nl> aŭ <ilei@esperanto.nu> *Membraro, ekzamenoj.*

**Vicsekretario:** Jennifer Bishop. 39 Hill Street, Hawthorn, AU-Victoria 3122, Aŭstralio. Tel. +61 3 9818 7358, fakso: +61 3 9905 3668. <esperanto@education.monash.edu.au> *Lernejoj, konferencoj, gimnazio.*

**Kasisto:** Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio. Tel. +46 415 501 52. *Financo, konferencaj financoj. Membraro.*

**Membro**: Carla De Lorenzi, via Boston 65, IT-10137 Torino, Italio. Tel. +39 011 390 787. *Trejnado, lerniloj.*

**Membro**: Antonio Leoni de Leon, 1 rue Chandieu, CH-1202 Gèneve, Svisio. Tel. +41 22 734 2996. <katina.de-leon@ties.itu.int> aŭ <leoni8@etu.unige.ch>*Trejnado.*

*Maŭro La Torre*

# Kion fari por (kaj per) ILEI?

*Karaj gekolegoj,*
jarkomence kutime oni bondeziras ... feliĉaĵojn. Sed konkrete kion bonan deziri por nia organizo? Ĉu ni kundeziras la samon?
Ekde kiam last-aŭguste kelkaj el ni konferencis en la franca Montpeliero jam pasis preskaŭ jarduono.
Dume pluraj labor(eg)is diversmaniere redaktante gazetojn, verkante lerno-materialojn, instruante esperanton aŭ prelegante pri ĝi, korespondante internacie, plenumante organizajn kaj administrajn laborojn. Kelkaj tamen ne tiom kontentas pri la atingitaj rezultoj, almenaŭ kompare kun la imagitaj celoj.
Ĉu niaj celoj estas tro ambiciaj kompare kun niaj fortoj? Eble jes.
Sed je tiu konstato oni povas reagi plurvoje:
- redukti la celojn;
- klopodi kreskigi la fortojn;
- pli efike ekspluati la havatajn rimedojn.
Kompreneble la plej racia elekto dependas de la konkretaj situacioj. Sed - ĉiukaze - ĉu ne konvenas iom diskuti pri tio, kiuj estu niaj **celoj** kaj kiuj estas niaj eblaj **rimedoj**?
Evidente ĉi tie en IPR, internacia gazeto, ni ne povos konsideri ĉiujn lokajn situaciojn; tamen ni povas skizi komunajn vojojn, ireblajn de multaj, kvankam per malsamaj ... veturiloj kaj rapidoj.

Kiam oni demandas nin pri tio, kiuj estas la ĉefaj temoj pri kiuj okupiĝas ILEI, ni povas respondi per pli-malpli jena listo:
1) *lernejoj, lernomaterialo, ekzamenado, trejnado*;
2) *komunikiloj, renkontiĝoj, varbado* de membroj kaj apogoj.
Ĉu ni komencu iel analizi almenaŭ iujn el la ĉisupraj temoj?

LERNEJOJ
Kiel asocio de "instruistoj" (ankaŭ se, kiel konate, inter ni ĉeestas multaj kaj kapablaj neprofesiaj "instruantoj"), ni ne povas ne alfronti unuarange la temon "lernejoj".
Kiel sciate, ekde la komenco ĝis nun, la Internacia Lingvo estas instruata ĉefe *ekster* lernejoj, en privataj, klubecaj situacioj. Tio kompreneble estis ofte la sola realigebla instruado, sen kiu ni nun simple ne ekzistus kiel e-parolantoj.
Tamen, se esperanto ne eniros la organizojn, kiuj pro sia institucia celo devas

instrui al la homoj (t.e. la *lernejoj*), ĝi plu estos konsiderata nur *hobio*, kaj ne serioza *alternativa lingvo*.
Memkompreneble, en la 2000-aj jaroj, parolante pri instituciaj instrusistemoj, temas ne nur pri la *tradiciaj* lernejaj domoj, vizitataj de la infanoj kaj junuloj; temas ankaŭ pri la *novteknologiaj* sistemoj, kiuj povas alinstrui hom-amasojn eĉ de malproksime, eĉ hejme, helpe de komputilaj retoj kaj instru-aŭtomatoj.
Ĉiukaze, sendepende ĉu temas pri tradiciaj lernejoj, pri teleinstruaj sistemoj, aŭ pri kombinaĵo de ambaŭ, ni instruistoj devas iel okupiĝi pri la *rolo de esperanto* en tiaj precipaj instrumedioj.
Ni travivas fazon, kiam la opinifarantoj klopodas konvinki nin, ke la mondo rapide fandiĝas laŭ moroj kaj kulturoj, ĉiam pli parolante kaj kantante la anglan lingvon: tiuj, kiuj ne tuj adaptiĝos je tia kodo, rapide perdos ŝancojn ludi signifan rolon en la socio.
Ĉu vere? Ĉu devige? Ĉu tia komunika solvo kongruas kun la *bazaj principoj* (ekzemple la "Homaj Rajtoj"), kiujn cetere ni instruas en la lernejoj kaj universitatoj?
En mondo kie ankoraŭ vole/nevole la kulturoj kaj lingvoj ankoraŭ multas, ĉu la esperanto-instruistoj ne povas proponi *edukmodelojn* (alternativajn je la supre menciita), kie la I.L. estu peranto inter egalrajtaj popoloj kaj lingvaj komunumoj?

Kion ni povas fari konkrete??

*1.* Ĉu ni estas aktuale informitaj pri la eventuala (eĉ se tre modesta) ĉeesto de esperanto en la lernejoj de nia regiono? Povas temi eĉ nur pri vespera libervola grupeto aŭ pri malregulaj informaj "prelegetoj", kiujn iuj instruistoj (aŭ simple esperantistoj) iam aranĝas en lerneja medio. Ĉu pri tio ekzistas landa listo, ĉiujare aktualigata? Ĉu la tutmonda interreta paĝaro pri e-lernejoj enhavas kompletajn kaj ĝustajn datumojn pri nia regiono?
*2.* Ĉu en niaj propraj lernejoj (aŭ en la najbaraj lernejoj, se ni ne estas dejorantaj instruistoj) ni ne povas konsideri la eblecon, trovi *konvenan* spacon por esperanto, eventuale en aparta eduk-projekto, kiel la leĝaro de multaj landoj permesas?
*2a.* Internacia ekzemplo en tiu direkto estas nia projekto *Interkulturo* (v. IPR 98/3, pĝj. 3-11). Ĝia plano komencis realiĝi per la pretigado de lernomaterialoj kaj per jama aliĝo de pli ol deko da lernejoj el Argentino, Brazilo, Uzbekujo, Usono, Ukraino, Rumanujo, Jugoslavio, Kroatujo, Albanujo, Italujo.
*2b.* Krome en pluraj landoj ekzistas aliaj lernejaj projektoj aŭ instru-eksperimentoj iel koncernantaj esperanton (*Ekparoli* en Aŭstralio, *Mondorondo* en Usono, *Semejo* en Brazilo, ktp.). Ĉu la esperantistoj konas kaj subtenas tiujn e-lernejojn?

*3.* La interlerneja projekto Interkulturo bezonas ankaŭ kontribuon de instruistoj *sen* lernejaj klasoj, kiuj emas kunlabori en kompilado de informaj slipoj pri sia lando aŭ regiono. Ankaŭ por tio jam alvenis deko da sinproponoj, sed ja bonvenos aliaj, por havi en la sliparo ĉiujn landojn, kie vivas esperanto-parolantoj.
*4.* Alia agado, kiun en kelkaj landoj niaj membroj faras en lernejoj, estas aranĝado de unuopaj prelegoj (aŭ prelegaroj) pri la lingvopolitikaj problemoj kaj/aŭ pri la signifo kaj ecoj de la esperanta propono. Tiaj iniciatoj estas facile aranĝeblaj, kaj ili meritas disvastiĝon kaj sisteman ripetadon.

LERNOMATERIALOJ

Se oni komparas (kvalite kaj kvante) la instru-rimedojn je dispono de niaj e-instruistoj kun tiuj troveblaj por la angla lingvo, la kontrasto memorigas nin pri la biblia lukto inter la eta Davido kaj la giganta Goljato. Tamen eble konsolas nin la fakto, ke la regulaj strukturoj de nia lingvo konsistigas fortikan bazon por konstrui efikajn lecionarojn, per kiuj la lernantoj - se lerte gvidataj - povas relative rapide atingi mirindajn komunikajn kapablojn.
Fakte, kiaj estas la lerniloj (manlibroj, aŭdvidaj materialoj, vortlibroj, ekzercaroj, ktp.) troveblaj por esperanto en la nuna merkato? Kvankam verŝajne ankoraŭ ne ekzistas sistemaj komparaj studoj por respondi al tiaj demandoj, tamen, se oni simple vizitas la libroservon de Universala Kongreso aŭ foliumas kompletan librokatalogon, oni facile konstatas rimarkindan malhomogenecon. En iuj landoj uziĝas materialoj iom profesiecaj kaj relative similaj je tiuj por instruado de la aliaj grandaj lingvoj, dum en aliaj mondopartoj troveblas nur imitaĵoj de malnovaj gramatikoj pri klasikaj lingvoj. En kiom da kazoj, ekzemple, la lerniloj baziĝas sur scienca komputado de la bezonata vortprovizo por ia celata lernonto-tipo? Kiom da aŭtoroj planas sian verkadon, konsiderante la komunikkapablojn, kiujn ili volas akirigi al la kursanoj? Kia estas la kvalito de niaj naciaj kaj internaciaj vortaroj?
Tamen per ĉi tiuj miaj komentoj mi neniom celas plendi pri la nuna situacio, kiu rezultas el granda laborado (pasinta kaj nuna) de multaj niaj lingvaj fakuloj kaj instru-praktikantoj. Male, mi volas esprimi la bezonon, ne nur pri nova produktado, sed antaŭ ĉio de scienca analizado, katalogado kaj oportuna diskonigado de la diverstipaj ekzistantaj lernomaterialoj.
Kial ne fondi, eventuale eĉ kunlabore kun prilingva instanco kiel la Akademio, ian internacian komisionon kies tasko estos instruike kaj lingvike **analizi la ekzistantajn lernilojn** (presajn kaj aŭdvidajn), kun la celoj:
a) liveri al la *instruontoj* de la Internacia Lingvo objektivan bazon por elekti instruilojn, bonajn por sia celo;
b) sugesti al la *verkontoj* de novaj instruiloj, la ecojn posedindajn fare de la novaj materialoj.

Mi kredas ke la unua tasko de asocio kiel ILEI, kiu okupiĝas pri instruado de lingvo, estas **science informi** pri la ekzistantaj rimedoj, ties kvalito kaj fakta uzado.
Krome, eĉ se ne estas nia tasko aranĝi lingvosciencajn esplorojn pri esperanto, tamen ĉu ni, kiaj uzontoj de la lingvosciencaj produktaĵoj, ne devas pripensi kaj proponi al la esplorinstitucioj problemojn kaj postulojn de la instrua agado, kiuj bezonas sciencan laboron? Ekzemple ĉu esperanto-instruistoj bezonas (kaj eventuale pridisponas) fidindajn *oftecajn vortarojn* pri nia leksiko, por plani kaj kontroli la vortprovizan evoluon de niaj klasoj?

Por hodiaŭ ni haltu ĉi tie, kvankam mi apenaŭ tuŝis iujn el niaj eblaj laborceloj, kaj preskaŭ neniom ni parolis pri niaj modestaj rimedoj.
Dum la venontaj monatoj ni diskutu pri tiuj kaj aliaj demandoj, klopodante konstrui niajn vojojn ...
Bonan 1999an jaron, kiu - malgraŭ la onidiroj - *ne* estas la lasta de nia 20a jarcento!

*Romo, 1999.01.17*

## Socia kaj psikologia evoluo de la rilatoj inter gelernantoj kaj geinstruistoj en la fino de la dudeka jarcento

*prelego dum la ILEI- konferenco en Montpeliero, la 13-an de aŭgusto 1998*

Iu belga pedagogo, Philippe MEIRIEU proponis antaŭ kelkaj jaroj novajn metodojn, aprezatajn en la altaj sferoj de la lerneja edukado. Tiu profesoro decidis renkonti la studentojn kiuj uzas liajn metodojn por konstati konkrete kiel ĉio funkcias, kaj precipe tiujn kiuj renkontas lernproblemojn.

En tiu sperto, li faris malkovrojn ne nur pri la konkreta aplikado de la uzitaj metodoj, sed precipe pri iu alia aspekto ne antaŭvidita. Ĉar sur tiu ĉi tereno, ne multe gravas ĉu temas pri instruado de la fremdaj lingvoj aŭ de matematiko aŭ de sciencoj ... gravas la sinteno de la studentoj, ĝenerale, en iu ajn lernejo. Tiu sinteno estas spertata de la geinstruistoj, je ĉiuj niveloj en bazaj kaj mezaj lernejoj. Philippe MEIRIEU ne povis antaŭimagi kiamaniere studentoj vivas en angorega situacio, ĉu ekonomika, ĉu socia, ĉu psikologia. Li vidis tiujn junajn homojn, vivantajn en la lernejo kvazaŭ ili estus en iu rifuĝkampejo kaj entute ne kontentaj eklerni ion en tiu ejo.

**La misio nuntempa de la lernejo iĝas multe pli komplika ol antaŭ kelkaj jaroj. Kial?** La gejunuloj sentas sin "sen radikoj", ĉar ili unue ne plu povas, kiel antaŭe antaŭvidi eblecon al facila profesio post la fino de la studado, kaj due ĉar ili ne plu posedas la bazajn, elementajn sintenojn kiuj permesas esti, tute simple, en la situacio de lernanto, (t.e. de tiu kiu lernas tio estante evidenta por ni sed ne por ili!) Tio postulas klarigon. Antaŭ 20 aŭ 30 jaroj, kiam instruisto eniris "sian" klasĉambron, li eniris lokon kun socio jam preta por lin akcepti, alkutimiĝinta jam al la klare difinitaj roloj, kaj de la lernanto, kaj de la instruisto. Eĉ antaŭ ol iri al la lernejo, oni ekestis jam bona lernanto. Oni sciis kiun sintenon havi: kiamaniere rigardi la geinstruistojn, samtempe malfermata, por ne aspekti hipokritulo kaj samtempe ne tro longe aŭ insisteme por ne aspekti insolentulo. Memkompreneble, regule fari hejmtaskojn, lerni la lecionojn aŭ almenaŭ simuli ilin bone koni, esti ĝentila, k.t.p. estis tute normala afero! Tradicie do ekzistis sistemo implicite agnoskata, eĉ se la violento ĉeestis jam en la lerneja sfero ĉar ĝi ekzistis, sufiĉe tolerata, en iuj specifaj ejoj, lokoj, momentoj, dum la lerneja periodo sub iuj formoj de petolado.

Nuntempe la situacio estas jena: enirante la klasĉambron, li komencas preskaŭ ĉiutagan batalon. La instruisto devas preskaŭ trudi sin, esti forta, sukcesi konvinki, persvadi la gelernantojn pri la grava valoro de la kurso! La tuta teksto koncernas, tio estas evidenta, la inan formon, despli ke pli ol la duono de la instruistaro estas ina. Ŝi do eventuale devas esti kapabla maldungi, eksigi, neŭtraligi la ĝenantojn ... ĉu ili estas 6, 12, 18 aŭ 20jaraĝaj! En la klaso la instruisto aŭ instruistino devas starigi kvazaŭ novan lernejan leĝon, ĉar la antaŭa dispeciĝis kaj entute *ne plu ekzistas.*

La rezulto estas do, ke la instruistoj ne plu estas nur distribuantoj de scioj. Ili devas esti samtempe - kaj antaŭ ĉio - veraj konstruantoj de la lerneja sfero, pere de novaj reguloj. En ĉiu momento la instruisto devas negoci la eblecon de la instruado mem. Kiam li skribas sur tabulo, turnante la dorson al la klaso, flugas en la aero kretoj ... Tial tiu profesio estas tre malfacila... Eĉ la gepatroj de la gelernantoj pli kaj pli rajtigas la sintenon de siaj infanoj eĉ kiam ĝi estas tute fia kontraŭ la instruistoj: anstataŭ apogi ili malsubtenas la instruistaron. La socia agnosko de la profesio de la instruistoj, en nia lando, Belgio malgrandiĝas, la socia respekto mankas. Tio respeguliĝas ĉe la gelernantoj. Pli kaj pli, nur la studentoj kiuj malsukcesis en aliaj studoj komencas la instruistan fakon! La salajroj malaltaj ankaŭ ne allogas la gejunulojn.

Dum tiuj ĉi lastaj monatoj televidaj elsendoj montris, kiam en nia lando iu instruistino estis atakata surstrate (pere de perfortaj paroloj kaj sintenoj) de siaj gelernantoj, kiam iu alia instruistino estis pugno- kaj piedbatata de studentoj en iu koridoro de la lernejo kaj kiam tria estis vundita ĉe la kapo pro jetado de iu

ŝraŭbilo dum li estis skribanta sur la tabulo. Dum iu alia elsendo geinstruistoj havis la eblecon, fine, esprimi libere la realon, kio okazas en pli kaj pli multe da klasoj kaj lernejoj. Tiu realo estas ofte neglektata kaj neata de gepatroj aŭ eĉ de lernejaj direktoroj, kiuj ne havas ilojn por efike kontraŭstari tiujn novajn formojn de violento ĉe la junularo. Ĉar la publiko nun komencas konsciiĝi pri la problemaro, eble la situacio povos evolui pozitive. Mi esperas nur, ke ni ne devos "atendi" ke iu instruisto estu mortigita de siaj gelernantoj. Tro ofte nur la dramoj provokas tujan reagon.
Do, la klaso estas ejo kie devas esti rekonstruata la socia teksaĵo, kaj ne nur ejo kie transdoni la "Scion".

**La respondeco de la instruisto evoluas:** Kunprepari, kunkrei iun novan societon en kiu la civitanoj ne agas ion ajn, iam ajn, ne ekstaras dum la kursoj por eliri, trinki ion kaj revenas nur duonhoron poste post frakasado de vitroj, aŭ male, en kiu aliaj civitanoj kun bona konscio, volas atingi bonegajn poentojn, rezultojn dum la ekzamenoj, sen atenti pri kio estas fuŝe dirita aŭ farita dum la klashoroj kaj sukcesas nur danke al la familia helpo aŭ subteno.
La geinstruistoj ne tro plendu pri la malrespektemaj gelernantoj... Tiuj plendoj alportas nenion... Ili devas konscii ke la klaso estas la spegulo de la socio. Se ili komprenas tiun societeton, ili povos komenci agi pli bone...
Kiujn valorojn dissendas la societo hodiaŭ?
La pasintaj tradiciaj valoroj estis transdonitaj pere de la religio, de la familio, de la sporto... Pli kaj pli tiuj malaperis... La lerneja klaso restas preskaŭ la sola por ilin promocii...
Geinstruistoj kiel mi bone konscias: eĉ la gepatroj lasas preskaŭ ĉion pri la edukado sur la ŝultroj de la "lernejo" ... Sed la lernejo ne posedas ŝultrojn... Nur la geinstruistoj havas! Kaj tiuj ŝultroj, ĉiun jaron, ĉiun tagon, sentas la pezon de ŝarĝo pli forta. Efektive, kiam venas en la lernejon gelernantoj sen familia, socia, kultura, vera respondeca civitaneco, ili vivas laŭ la ĝangala leĝo.
La pedagogo Philippe MEIRIEU nuntempe okupiĝas pri la temo, ĉar li ne konsentas rezigni al tiu nova lerneja situacio kie la gelernantoj sentas sin aktoroj militistaj en la ĝangalo, kie ili ne plu kapablas bone komuniki pace inter si, kie ili ne plu havas konfidon al la aliaj, ne plu kapablas vere aŭskulti la aliajn, malrespektas ĉiun kaj ĉion en la lernejo... kaj tio ankaŭ veras ofte pri la rilatoj inter la geinstruistoj en iu sama lernejo...

Paralele al tiu fenomeno, aperadas ekde kelkaj jaroj agadoj de **organizaĵoj** diversaj kiuj bone konscias pri la problemo.
En mia urbo, Namuro, ekzemple, troviĝas la *Universitato de la Paco*. En tiu domo (ne vera universitato) laboras la tutan jaron stafeto de kelkaj personoj kun la

celo: helpi en la malkovro de eblecoj de pacaj solvoj dum konfliktoj; konstante pere de ne perfortaj metodoj. Ili proponas kursojn, prelegojn de mondfamaj specialistoj pri la ne-violenta komunikado. Pli kaj pli da lernejoj kontaktas ilin por organizi "mediaciojn", pacperadan metodon kiam konfliktoj de iu ajn speco ne plu permesas bonan funkcion de la klasa vivo; en kio konsistas la mediacio? (ĝi efikas ankaŭ en familiaj kaj aliaj laborejaj sferoj...) Kiam du personoj en konflikto intencas repaciĝi, sed ne kapablas tion efektivigi, ili petas la helpon de iu ekstera persono: la mediaciisto. Tiu ĉi ne proponas solvojn. Li helpas nur la du partiojn por trovi iun solvon, kune; tio, laŭ iu preciza metodo. Mi havas la pruvon de ĝia efiko kiam mi regule ĝin spertis kun la infanoj dum la ludpaŭzoj... Okazas regule disputoj, bataloj pli malpli violentaj, ploroj pro malafablaj vortoj, primokado aŭ forjetado de aliaj infanoj... Kiam la infanoj havas la eblecon klarigi kio okazis, esprimi siajn emociojn, sentojn, esti atente aŭskultataj de iu persono neŭtrala, tiam ili sentas sin jam pli bone; kaj danke al la respondoj je la kelkaj sinsekvaj demandoj dum la mediacio, pli ol 90% de la konfliktoj trovas solvon veran, profundan kaj longdaŭran.

Same kiel iu mediacio postulas iom da tempo, ĝia rezulto ankaŭ povas kelkfoje esti preskaŭ mirakla pro ĝia longa daŭro.

La principo de la mediacio estas simpla: neniu trudas iun solvon al la alia. La du partioj interkonsentas pri iu solvebleco kiun ili libere elektis; ili scias ke, provante ĝin, ĝi povas esti malsukcesa, kaj ke en tiu kazo, ili rajtas proponi novan solvon al la krizo.

En Francio, la *Internacia Movado pri Repaciĝo*, nomata *MIR*, laboras en tiu direkto ekde pluraj jaroj. *Brigitte Liatard* kaj *Babette Diaz* instruas al la gelernantoj la rolon de mediaciistoj.

La **organizaĵo UNICEF** proponas pli kaj pli al la lernejoj: dosierojn ne nur pri la tria aŭ kvara mondo, sed ankaŭ pri la pacproblemoj en niaj landoj kaj lernejoj. La pedagogiaj tekstoj konsciiĝas pri la diversaj formoj de konfliktoj kaj violentaĵoj en niaj socioj. Unu ekzemplo: "*Et si on faisait la paix?*"... (Kaj se ni konstruus la pacon?)

En Belgio *Véronique Meunier* vizitas la lernejojn por pridiskuti kaj prilabori tiujn temojn.

Ankoraŭ iu alia organizaĵo: **Humania** en Bruselo laboras same kun subteno de la BALOOVINA reĝa Fondaĵo prezentata sub la formo de bildstrio por konsciigi pli bone la diversajn lernejajn kaj familiajn problemojn kiuj koncernas la doloriĝajn rilatojn inter la gelernantoj kaj familianoj. Ekzemple la "propeka kapro": pro iu pli forta malsimileco, la aliaj de la grupo facile enfokusigas sur tiu persono la kialon de siaj problemoj.

Mi ne povas ne paroli pri la franca verkisto kaj psikologo: *Jacques Salomé* kiu prilaboras la temon de la plibonigo de la komunikado inter ĉiuj, kaj, ankaŭ, en la lerneja medio. Jam de pluraj jaroj, li proponas, kiel pioniro, ke en la francaj lernejoj, okazu kursoj pri plibonigo de la komunikado. Ankaŭ tio certe ludus rolon de antaŭaverto pri violento kaj helpus al gejunuloj trovi solvon al siaj konfliktoj sen uzo de perforto/violenteco/violentemo. Li verkis: "*Charte de la vie relationnelle à l'école*". (Ĉarto de la komunikadaj rilatoj en la lernejo.)

Mi finas nun per kelkaj vortoj pri la **programo Socrates de la Eŭropa Komisiono**. Konsciante ke tiu problemo ekzistas en preskaŭ tuta Eŭropo, ĝi subtenas la financadon de konkretaj proponoj de lernejoj pri la temo de "Violento en la lernejoj. La Eŭropa kunagado pri la sekureco en la lerneja medio." En diversaj eŭropaj landoj ekzistas iniciatoj.

Nu... la 20-a jarcento, kiu finiĝas, estis la jarcento de la plej ampleksaj amas-buĉadoj de la tuta homara historio... Urĝas inversigi tiun tendencon... kaj promocii la epopeon de la paco... precipe sur la tereno de la edukado. Temas pri la posttransvivo de la planedo!

*Ghislaine Tilleux-Craenhals*
*Licenciulino pri Socia Komunikado – Loveno*
*Les Hauts de Meuse, 4, BE-5101 Erpent (Namur), Belgio*

**Bo Sandelin**

# Lingvoj en nelingva doktoriĝa edukado

## sveda ekzemplo

En la malsuperaj partoj de la eduksistemo en la plej multaj landoj, la pozicio de fremdaj lingvoj estas rezulto de elpensita plano. Kontraŭe, en la plej supera parto (la doktoriĝa parto) ekster la lingvodisciplinoj, fremdaj lingvoj ofte aperas tute neplanite kiel solvo de praktika problemo. Ili ĝenerale aperas nur en aplikata formo, ne instruata.
En tiu ĉi artikolo mi montros la lingvan ŝanĝon je doktoriĝo pri ekonomiko en Svedio. Du tendencoj estas videblaj: formortado de la sveda lingvo kaj, koncerne fremdlingvojn, transiro de la germana al la angla. Similajn tendencojn oni trovus en pluraj aliaj disciplinoj en similaj landoj.

**Kelkaj personaj spertoj**

Depost 1969 doktoriĝa edukado en Svedio konsistas el du partoj. Trapasinte bazan universitatan ekzamenon, aspirantoj, kiuj estas akceptitaj kiel doktoriĝaj kandidatoj, komencas per dujara periodo de doktoriĝaj kursoj. Tiuj ĉi kursoj estas sekvataj de verkado de disertaĵo, kio laŭplane ankaŭ postulu du jarojn, sed kio praktike ofte postulas pluroble da tempo.

Kiam mi ĉirkaŭ 1970 prenis doktoriĝajn kursojn je la universitato de Lund, la instrulingvo ĉiam estis la sveda, escepte de kiam eksterlandaj gastprofesoroj aperis. La legendaj kursotekstoj estis ĉefe en la angla, sed kelkfoje en la sveda, dana aŭ norvega. La situacio restis la sama, kiam mi mem komencis instrui doktoriĝontojn je la universitato de Gotenburgo.

En la dua duono de la 1980-aj jaroj, la premisoj ŝanĝiĝis. Ni akceptis kelkajn eksterlandajn doktoriĝajn kandidatojn, kiuj tre malbone komprenis la svedan. Kelkaj prelegistoj tuj ekuzis la anglan kiel preleglingvon. Tio estis rigardata kiel internaciiĝo, kio estas io bona.

Mi mem iom hezitis, kaj la unuan jaron mi uzis alterne ambaŭ lingvojn, tiel ke mi unue dum kelkaj minutoj klarigis aferon en la sveda kaj poste donis resumon en la angla. Tio kompreneble estis tre maloportuna instrumaniero, kaj baldaŭ ankaŭ mi cedis.

En la 1990-aj jaroj ni donis eĉ ne unu doktoriĝan kurson en la sveda lingvo, laŭ mia scio. (La sola restaĵo estis kursoj, kiujn ni donis en Karlstad, kie estas regiona altlernejo kun kiu ni kunlaboras.) Dum la unuaj 90-aj jaroj ni havis oficialajn rilatojn kun afrikaj universitatoj, de kie venis doktoriĝontoj, kiuj kompreneble ne komprenis la svedan. En la lastaj jaroj ni pli malpli aktive klopodis rekruti kandidatojn internacie, kaj nun pluraj venas el, inter alie, la antaŭe socialismaj landoj. Rezulte, eble duono de la ĉiujare ĉirkaŭ 10 novaj doktoriĝaj kandidatoj ne komprenas la svedan.

Sekve, instruado per la angla je la doktoriĝaj kursoj eble estas neevitebla adaptiĝo de universitata instituto, kiu volas eviti izoliĝon kaj provincismon. Sed tia adaptiĝo havas konatajn "kostojn". Preleganto esprimas sin malpli klare en la angla ol en sia gepatra lingvo, kaj kandidato komprenas malpli bone en la angla ol en sia gepatra lingvo. Do, ambaŭflanke la komunikado malboniĝas.

**La lingvo de doktoraj disertaĵoj**

La lingvo de doktoraj disertaĵoj evoluis simile. Eĉ svedoj skribas ekonomikan disertaĵon nuntempe preskaŭ ĉiam en la angla lingvo. Je la ekonomika instituto de la universitato de Gotenburgo, la lasta svedlingva doktora disertaĵo datiĝas de 1989. Post tiam aperis ĝis oktobro 1998 58 disertaĵoj, ĉiuj en la angla lingvo. En la tuta lando aperis 415 aprobitaj doktoraj disertaĵoj pri (socia) ekonomiko dum la periodo 1895-1995. Dum la unuaj jardekoj estis averaĝe malpli ol unu

disertaĵo en unu jaro, sed en la fino de la periodo estis ĉirkaŭ 20 ĉiujare.
La diagramo montras la procentajn porciojn de diversaj lingvoj de la disertaĵoj. Ni vidas, ke fine de la 19-a kaj komence de la 20-a jarcento disertaĵo ĉiam estis skribita en la sveda aŭ la germana lingvo. La lasta disertaĵo en la germana publikiĝis en 1935, kaj la unua en la angla en 1929.
Post 1935 nur la sveda kaj la angla estas uzataj, dum la sveda iom post iom perdas terenon. En la 90-aj jaroj nur escepte oni trovas svedlingvan disertaĵon.
Alian indikon pri la ŝanĝiĝintaj pozicioj de la diversaj lingvoj ni trovas en la lingvo de la cititaj verkoj en la doktoraj disertaĵoj. La tabelo baziĝas sur la cititaj verkoj en samplo de 61 disertaĵoj el la 415 disertaĵoj publikigitaj en 1895-1995.

**Lingvo de cititaj verkoj en svedaj ekonomikaj doktoraj disertaĵoj** (%-oj)

| *Periodo* | *sveda* | *angla* | *germana* | *franca* | *itala* | *dana/norvega* | *aliaj* | *sume* |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1895-1919 | 42 | 20 | 24 | 8 | 2 | 3 | 1 | 100 |
| 1920-39 | 13 | 41 | 41 | 3 | 1 | 1 | 0 | 100 |
| 1940-59 | 54 | 38 | 5 | 2 | 0 | 1 | 0 | 100 |
| 1960-69 | 19 | 73 | 4 | 1 | 0 | 2 | 1 | 100 |
| 1970-79 | 22 | 74 | 1 | 1 | 0 | 2 | 0 | 100 |
| 1980-89 | 13 | 84 | 1 | 1 | 0 | 1 | 0 | 100 |
| 1990-95 | 3 | 88 | 1 | 0 | 0 | 0 | 8 | 100 |

La ĉefa tendenco ripetiĝas. Post la 30-aj jaroj oni malofte citas germanlingvajn verkojn. Publikaĵoj en la franca kaj itala lingvoj ankaŭ malaperas. Komence de la jarcento oni citis itallingvajn verkojn danke al tradicie forta itala pozicio pri la teorio de publikaj financoj. En la fino de la periodo la angla lingvo tute superregas, kaj eĉ la sveda preskaŭ malaperas.[1]
Koncerne la svedan, ja temas ne pri kontinua regreso. Frapas la malalta sveda procenta nombro por 1920-39 kaj la alta por 1940-59. En la 20-aj kaj 30-aj jaroj pluraj disertaĵoj kun teoria emfazo publikiĝis, ekzemple de la Nobelpremiitoj Myrdal kaj Ohlin kaj aliaj el la t.n. Stokholma skolo. Teorioj ja estas pli-malpli internaciaj, kio klarigas la malgrandan nombron de la svedaj referencoj. Kontraŭe, en la 40-aj kaj 50-aj jaroj dominis peze empiriaj disertaĵoj pri la sveda ekonomio, kio rezultigis multajn svedlingvajn referencojn.
La ŝanĝiĝo de la lingva situacio rilate al doktoriĝo ja estas nur unu aspekto de la ŝanĝiĝintaj rilatoj inter sveda kaj alilanda ekonomika pensado. Aliaj aspektoj de tiu proceso rilatas al la sekvaj punktoj: la origino kaj migrado de ekonomikistoj, la demando kie svedaj ekonomikistoj publikigas kaj ĉu eksterlandanoj publikigas en Svedio, la "scienca idealo" esprimita per teoria enhavo kaj stilo, la lingvo kaj la origino de libroj aĉetitaj de sciencaj bibliotekoj, k.t.p. Ili estas diskutataj aliloke.[2]


Lingvo de svedaj doktoraj disertajoj pri ekonomiko
120%
100%
80%
60%
40%
20%
0%
1895-09
1910-19
1920-29
1930-39
1940-49
1950-59
1960-69
1970-79
1980-89
1990-95
Angla
Germana
Sveda

**Kio klarigas la forlason de la germana?**
La transiro de la germana al la angla ŝajne povas esti ligita al almenaŭ tri specoj de kaŭzoj. En la unua grupo estas *universalaj* kaŭzoj, kiuj influis ne nur la lingvon de ekonomiko, kaj kiuj efikis ne nur en Svedio. La du mondmilitoj kaj la naciisma periodo estas gravaj tiaj kaŭzoj. Germanio perdis ne nur prestiĝon. Multaj el ĝiaj famaj sciencistoj devis forlasi la landon post 1933 kaj anstataŭe kontribui al sia scienco en aliaj landoj. Tio ĝenerale signifis, ke ili komencis verki en nova lingvo, ofte en la angla. Usono estis grava ricevanto de elpelitaj sciencistoj, kaj la konata *New School for Social Research* en Novjorko fariĝis vera ekzila sociscienca universitato.[3]

Alia universale efikanta kaŭzo estas la kresko de la usona loĝantaro kaj la usona universitata sistemo. Usono estas juna nacio. Ĝia loĝantaro pli ol duobliĝis inter 1880 kaj 1930, dum la germana loĝantaro kreskis per proksimume 50%. Krome, jam frue en la 19-a jarcento Germanio havis sukcesan universitatan modelon kun profesoroj, kiuj devis ne nur instrui, sed ankaŭ fari esplorojn kaj gvidi seminariojn. En Usono tia modelo vidiĝis nur en 1876, kiam *Johns Hopkins University* en Baltimore fondiĝis kaj adoptis la germanan idealon. Post tiam tiu rapide disvastiĝis.
Do, ni ne miru, ke Joseph Schumpeter deklaras, ke la usona ekonomiko "komenciĝis de preskaŭ nulo en 1870" sed poste rapide evoluis.[4] Tio signifis ankaŭ rapide kreskantan usonan influon, kio devis okazi je la kosto de alies influo, interalie la germana.

Dua speco de kaŭzo estas *speciala* por ekonomiko (kaj kelkaj aliaj disciplinoj). Iuj argumentis, ke la t.n. historia skolo superregis en Germanio ĝis post la dua mondmilito, dum ĝi estis konsiderata arkaika en multaj aliaj landoj, kie la neoklasika skolo regis ekde la komenco de tiu ĉi jarcento.
Tio tamen ne estas tre konvinka argumento. Unue, aliaj ekonomik-historiistoj pli konvinke argumentis, ke la historia skolo perdis sian superregan pozicion en Germanio jam en la 20-aj jaroj. Due, ne estis la specifaj trajtoj de tiu ĉi skolo, kiuj pli frue konsistigis la germanan influon sur svedajn ekonomikistojn.
Tria speco de kaŭzo estas la malgrandiĝinta signifo de *geografia distanco*. Estas triviale rimarkigi, ke la komunika sistemo daŭre pliboniĝis de post la 19-a jarcento. Nun ne estas multe pli malfacile por sveda klerulo havi kontakton kun usona universitato ol kun germana universitato. Do, unu el la antaŭaj avantaĝoj de Germanio por svedoj - la kompare mallonga distanco de Svedio - nun signifas malmulte.
Koncerne la nunan fortan pozicion de la usona ekonomiko, ni povas mencii ankaŭ hipotezon, kiun multaj aŭtoroj akcentas en speciala numero de la revuo *Kyklos*.[5]

Temas pri la intensa konkurado sur la granda usona universitata "merkato". La konkurado estas konsiderata pli akra ol en Eŭropo, kio instigus al elstaraj atingoj, kiuj siavice disvastiĝus en la mondo pere de la angla lingvo.

**Konklude**

Por la propra kulturo kaj identeco pli gravas la foriĝo de la gepatra lingvo kiel science uzata lingvo ol la transiro de la germana al la angla kiel superrega fremdlingvo. Ŝajnas neevitebla por unuopa universitata instituto kaj unuopa sciencisto en lando kun malgranda nacia lingvo grandparte rezigni pri sia nacia lingvo. La alternativo estus izoliĝo, for de la internacia scienca komunumo.
Tio vekas du demandojn. Unue, je kia grado la propra nacia lingvo estu rifuzita kaj, due, per kiu lingvo ĝi estu anstataŭigita.
Kondiĉe ke oni vidas valoron en tio, ke la gepatra lingvo daŭre estu uzebla kiel almenaŭ elementa faka lingvo, la sveda ŝajne perdadas nenecese grandan terenon. Ĉe doktoriĝontoj tio evidente estas parte ligita al prestiĝo. Ekzemple, mi en la lastaj jaroj spertis, ke se mi ne proponas al svedaj doktoriĝontoj la eblon respondi skribajn ekzamenojn en la sveda lingvo, eble duono el ili respondas en malbona angla lingvo. Kaj se doktora disertaĵo temas pri tipe sveda problemo kaj interesos nur svedajn legantojn, kial ne plu skribi ĝin en la sveda?

La oficiala sinteno speguliĝas en diversaj dokumentoj. Ĝis 1993 la Nacia Universitata Dekreto postulas, ke doktora disertaĵo estu skribita en la sveda, dana, norvega, angla, germana aŭ franca, se ne temas pri lingvoscienca disertaĵo. Krome, disertaĵo kiu ne estis skribita en la angla, germana aŭ franca devis havi resumon en unu el tiuj lingvoj. Krom tio, al ĉiu disertaĵo devis esti aldonita maksimume 500-vorta anglalingva referaĵo laŭ certaj reguloj.
De 1993 en la Nacia Universitata Dekreto estas menciita nenio pri la lingvo, sed lokaj reguloj kaj praktiko kaŭzis, ke en ekonomiko kaj pluraj aliaj disciplinoj la angla tute superregas.
En 1998 la Komisiono pri la Sveda Lingvo (*Svenska språknämnden*), komisiite de la registaro, prezentis planon pri tio kiel apogi la svedan lingvon en Svedio. Unu el la proponoj estas, ke "doktoraj disertaĵoj en fremdaj lingvoj havu resumojn en la sveda". Tio ja estas la inverso de regulo, kiu regis ĝis 1993!
Pri la demando kiu lingvo estus la plej racia solvo, kiam la propra nacia ne taŭgas, esperantistoj ja havas klaran opinion. Ni devas bedaŭri, ke la mondo tiurilate ne estas regata per "tuteca racio" sed per la racio de neinterkonsentintaj unuopaj agantoj. El la vidpunkto de unuopa aganto, estas tute racie konsideri la ĝeneralan anglolingvigan proceson kiel neŝanĝeblan kaj adaptiĝi al ĝi.

<u>*Notoj:*</u>

[1] La eble surprizaj 8 procentoj sub "Aliaj" 1990-1995 klariĝas jene. La nombroj por 1990-

95 baziĝas sur samplo de 12 el 125 disertaĵoj. Unu el tiuj 12 disertaĵoj temas pri Sovetunio. En ĝi estas cititaj 84 ruslingvaj verkoj, kiuj konsistigas tri kvaronojn el la 8 procentoj.

[2] Bo Sandelin & Ann Veiderpass, "The Dissolution of the Swedish Tradition", en A. W. Coats (ed.), *The Post-1945 Internationalization of Economics*, Durham: Duke University Press, 1996, p. 142-164. Bo Sandelin & Sinimaaria Ranki, "Internationalization or Americanization of Swedish Economics", *The European Journal of the History of Economic Thought*, n-ro 2, 1997, p. 284-298. Bo Sandelin, Nikias Sarafoglou & Ann Veiderpass, "The post-1945 Development of Economics and Economists in Sweden", en A. W. Coats (ed.), *The Development of Economics in Western Europe Since 1945*, London: Routledge, (publikigota). Bo Sandelin, "Introduction: Swedish Economics 1900-1960", en Bo Sandelin (ed.), *Swedish Economics*, Vol. 1, London: Routledge, 1998, p. 1-26.

[3] Detaloj pri 314 elmigrintaj germanlingvaj ekonomikistoj troviĝas en Harald Hagemann & Claus-Dieter Krohn, *Die Emigration deutschsprachiger Wirtschafswissenschafler nach 1933*, 2-a eldono, Diskussionsbeiträge aus dem Institut für Volkswirtschaftslehre (520), Stuttgart: Universität Hohenheim, 1992. Pluraj aspektoj de la elmigrado estas analizataj en Harald Hagemann (ed.), *Zur deutschsprachigen wirtschafswissenschaftlichen Emigration nach 1933*, Marburg: Metropolis-Verlag, 1997.

[4] Joseph A. Schumpeter, *History of Economic Analysis*, Oxford University Press, 1954, p. 864.

[5] *Kyklos*, Vol. 48, n-ro 2, 1995. Special Issue: Is There a European Economics?

*Bo Sandelin*
*Bo.Sandelin@economics.gu.se*

**Blazio Vaha**

# Sinsekvo

## *Ideoj helpe al planado de la instru-materialo*

Ĉiu instruisto scias, ke oni konstruas bonan instru-materialon laŭ la principo "de *simplo* direkte al *kompliko*". Oni instruas pli frue *1* ol *10*. Adicio antaŭas multiplikon kaj multipliko devas aperi pli frue ol potencado.

Ĉiu lingvotraktanto - lernanto, instruanto, uzanto - scias, ke en dua lingvo plej simpla estas tio, kion oni konas el la unua lingvo, t. e. koincidaĵoj, similaĵoj. Sekve oni akordas ankaŭ pri la ideo, ke materialon de instruata fremda lingvo oni konstruu el modeloj grade pli-kaj-pli diferencantaj disde modeloj de la gepatra lingvo.

Tamen multaj tion opinias ne ebla, se temas pri gelernantoj kun diversaj gepatraj lingvoj. La klarigo estas simpla: pri fenomeno, je kiu oni havas helpe-transporteblan (pozitive transfereblan) fenomenon en lingvo *A*, oni eble havas ĝuste misinfluan modelon en lingvoj *B* kaj *C*.

Jes, certe ne eblas konsideri ĉion samtempe! Multo tamen *estas* konsiderebla samtempe, pro la fakto, ke multaj aferoj el vidpunkto de certa fona lingvo estas

absolute *neŭtralaj*. Kvankam por hungaro la fama akuzativo ne estas speciale malfacila - sed ja ankaŭ nominativo kaŭzas nenian specialan problemon, kaj hungaran infanon tute ne ĝenos, se en la unuaj du lecionoj akuzativo ne okazos... Simile, almenaŭ se temas pri aŭda kaj parola uzo, distingo de *s* kaj *ŝ* por hungaraj infanoj ne estas malfacila, sed ja tute ne ĝenos ilin, se la enkonduko laŭos la kapablojn de infanoj hispanaj aŭ finnaj. Ne malhelpas italajn infanojn, se anstataŭ la por ili verŝajne facilaj vortoj *ĝirafo* kaj *testudo*, en la unuaj frazoj rolas prefere *kato*, aŭ *lupo*, kun nuraj malfermaj (vokal-finaj) silaboj kaj sen afrikato (c, ĉ, ĝ) – do vortoj facile prononceblaj ankaŭ por infanoj, kies gepatra lingvo enhavas nur malfermajn silabojn kaj ne havas afrikatojn. Simile al oftecaj listoj kiel tiu de Zlatko Tiŝljar, oni povus kompili ali-vidpunktajn preferlistojn, cele al helpo kompili lernomaterialon.

Eblas ankaŭ komence enmeti fonetikajn ekzercojn (por prepari ekzemple la enkondukon de afrikatoj) kiujn reprezentantoj de iuj nacioj rapidege povas trakti kvazaŭ kure, dum aliaj ilin povas mult-ripete kaj daŭre reprovadi ĝis sukceso, por havi la kondiĉojn por glata progreso *posta*. Estas grave, ĉiuokaze, ke materialo por komencantoj kaj por internacia uzantaro, eblige enhavu ankaŭ tion.

Iam mi diris, ke por hungaraj infanoj, pro ecoj de la lingvo hungara, estus oportune komenci ian ajn instru-materialon je frazoj *senkopulaj*. Oni komencu (aŭ daŭrigu tuj post salutformoj kaj eventualaj unukomponentaj frazoj) - je frazoj el nura *subjekto* kaj *verba* predikato. Ankaŭ poste, dum tempeto, oni ankoraŭ evitu frazojn de la tipo **Li estas Adamo** ĉar hungara infano tian frazon tuj transformos laŭ la modelo "*Ő Ádám*"[1] je **Li Adamo**: oni, se necese, trovu alian manieron de identigo.

Post similaj rekomendoj oni kutime replikas dirante, ke por aliaj, alilingvaj infanoj ĝuste tiuj identigaj frazoj kun kopulo *estas* la plej simplaj.

Ĉu ikso estas *tio* aŭ *tie*?

Mi pensas, ke la frazoj kiel

*T i o  estas lito* kaj *T i e  estas lito.*

*Tio estas tapiŝo.* kaj *Tie estas tapiŝo.*

en Esperanto estas simplaj *egale,* almenaŭ por reprezentantoj de lingvoj kun ĝenerala uzo de kopulo, komparu: *To jest łóżko – Tam jest łóżko; Das ist ein Bett – Dort ist ein Bett; That is a bed – There is a bed.* Krome, la pragmata funkcio de la (po) du frazoj estas ĉie sama. Demandi je tiuj du frazotipoj en Esperanto – same estas afero egale simple, por homoj kiuj en la gepatra lingvo havas ambaŭ frazomodelon:

*Kio estas tio? Kio estas tie?*

Simile statas la afero, ŝajne, ankaŭ en aliaj kopulo-ŝataj lingvoj – en ĝermanaj, latinidaj, sed ankaŭ en kelkaj slavaj lingvoj, ekzemple.

What is that? What is there?

Was ist das? Was ist dort?

Co to jest? Co tam jest?

Do nenio malhelpas, ke oni unuece, ankaŭ en **internaciaj** lernolibroj de Esperanto, preferu komence "prezentajn" frazojn kun *tie* al prezentaj frazoj kun *tio*. Indiferente por multaj, plifacilige por hungaroj.

Simile: iom ajn facilaj estas identigaj frazoj de Esperanto por angla, franca, germana., pola aŭ portugala infanoj, nenio speciale malfaciligas por ili ankaŭ frazojn el *subjekto* plus *netransitiva verbo*. Tial mi komencis, junaĝe, mian instruadon per frazoj kiel *Adamo dormas, Maria kuiras, Eva ploras, Cezaro bojas, mi - foriras ks.*.

Ĉu vi vidas min aŭ krokodilon?

Ni scias, ke akuzativo de rekta objekto stumbligas multajn parolantojn de la latinidaj lingvoj, sed ankaŭ aliajn. Sed ni povus konsideri, ke eĉ en lingvoj, kie nominativo kaj akuzativo de substantivo tre ofte ne diferencas, oni ja havas diferencajn formojn de nominativa kaj ne-nominativa (eventuale akuzativa) persona pronomo. Kial komenci je *Kato pelas muson*, aŭ *Karlo manĝas ĉokoladon*, se oni povas komenci ankaŭ je *Vi vidas min?* Ja la diferencoj de

*I - me*
*ich - mich*
*азъ - мене*
*ja - mňa, ma*
*ja - mne, mnie, mě*
**я - меня**

subtenas la gelernantojn, kiujn substantivoj kun koincidaj kazo(*manko*)j lasus senapogaj.

Nu, laŭ similaj observoj mi pensas, ke oni povas sekvi sinsekvojn kiel

*(Mallongigoj sube:*
*S: subjekto*
*V: verbo, verba predikato*
*Ad:- adverbo aŭ nerekta objekto*
*O - (ĉi tie!): rekta objekto)*

1e: *Frazoj unukomponentaj (vere aŭ ŝajne):*
*Parte elipsaj:* Hej! Hop! Saluton! Dankon! Gratulon! Bovenon! Brave! Pluvas! Neĝas. Venu! Bone! Jes! Ne! Bis! *Pure elipsaj frazoj*: Nomo?! Profesio?! Adreso?! Telefonnumero?! (Via nomo? Via profesio?).

2e: *frazoj S V*: Magdalena staras. Johano gimnastikas. Francisko lernas. Gabrielo laboras. Mi sidas. Mi lernas. Petro kuras. Adamo dormas. Ni babilas. Li biciklas. Li sidas. Ili promenas. Francisko parolas. Georgo legas. Simono kalkulas. Eva kantas.

3e: *frazoj SVE*: Verŝajne estas laŭcele poste havi frazojn kun lokadjekto kiel la subaj: Magdalena staras ***tie***. Karlo estas ***hejme***. Francisko lernas ***hejme***! Gabrielo lernas ***hejme***. Johano staras ***tie***. La hundo dormas ***tie***. La libro kuŝas ***tie***. La kajero estas ***tie***. La turo staras ***tie***. La kreto estas ***tie***. La arbo estas ***tie***. La katedralo estas ***tie***. La monto estas ***tie***. La insulo estas ***tie***. Vi estas ***tie***.

4e: *frazoj SVO (pronomo persona):*
Petro vidas min. Vi vidas min. La patrino vekas min. La patrino amas min. Petro invitas min. Klara moketas min. Ĉiu instruas min. Fiziko interesas min. Oceano logas min. Vi, amiko, tedas min. Ĉu vi, kara, amas min?

5e: *frazoj SVO (persono)*. Frazoj kun akuzativa substantivo kiel rekta objekto aperu nur poste. Verŝajne estas preferinde unue havi substantivojn pri homo, - ofte, en certaj lingvoj, akuzativo de substantivo pri homo estas distingata, dum akuzativo de objekto-nomo koincidas kun nominativo:
Klara moketas *la fraton*. Johano amuzas *Karlon*. Petro vidas *kantiston*.

Laste aperu kaj oftiĝu akuzativo de komuna substantivo:
6e: Johano atendas la *finon... (SVO...)*

Eble la supraj ideoj kaj ekzemploj estas evidentaj kaj ne estus aparte dirindaj. Tamen oni trovas komencajn lecionojn de lernolibroj por komencantoj, kie aperas facilaĵoj kaj malfacilaĵoj sen sufiĉe zorga elekto. Ĉiuokaze, mi prezentis esence nur frazo*skemojn*. Kursokreantoj mem trovu frazojn pli konvenajn, laŭ aĝo kaj cetero... Do la suprajn ekzemplo-frazojn laŭ viaj bezonoj, atentu aŭ preteratentu.

<u>*Noto:*</u>

1 **Kiel konate, hungaraj infanoj iam troĝeneraligas laŭ inversa direkto. Ili konkludas, ke se predikateco de *Adamo* estas esprimenda per *estas*, tio sama devas validi ankaŭ pri verboj. Tial ili produktas frazojn kiel *Maria estas kuiras, Eva estas ludas*.**

*Blazio Vaha*

## Bulgario

**Ĉu restarigo de la Instruista Sekcio ĉe BEA?**

Bulgara Esperanto-Asocio troviĝas en malbona stato. De kie ni devas komenci nian laboron por ke la stato pliboniĝu?
Miaopinie, ĝi devas esti la restarigo de la Instruista Sekcio ĉe BEA, al kiu Bulgara E-movado ŝuldas multe. La instruistoj agis aktive, kaj ili, kiel pioniroj, devas okupiĝi pri eltiro de BEA el la abismo. La sekcio havas sufiĉe da aktivuloj, sur kiuj ni devas apogi nin, kaj la vigleco baldaŭ venos. De kie simila optimismo? Pro du kialoj:
*Unue*, ekzistas Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) kun sekcioj en 25 landoj, kiu povus esti instiganto por la Instruista Sekcio en Bulgario. En 1998 ĝi organizis simpozion post UK en Montpeliero (Francio) je la temo "Lingva politiko kaj interkultura eduko" (revuo "Esperanto", junio-oktobro 1998) kun subteno de UNESKO. (Interesitoj povas skribi al la Centra oficejo de BEA kaj peti kopion de tiu ĉi publikaĵo. Estas necesaj pli da opinioj pri ILEI kaj la Instruista Sekcio ĉe BEA). Venontjara konferenco okazos en Karlovy Vary (Ĉeĥio). La ŝanĝo de sperto inter kolegoj estos utila por ĉiuj.

*Due*, la Instruista Sekcio ĉe BEA havas specialistojn, kiuj sukcese povas ekpreni la organizadon de lernojaro enkadre de Bulgara E-movado. Ankoraŭ estas freŝaj la memoroj pri la eksperimento en la Oka lernejo en Sofio, la kursoj en la Internacia E-kursejo en Pisanica k.a. Menciindaj estas ankaŭ aliaj aranĝoj kaj iniciatoj, sed tion ni lasu al la historiistoj. Ni ekrigardu estonten!
Ni helpos al ni mem, al BEA, se ni restarigos la Instruistan Sekcion ĉe BEA. Mi alvokas la esperantistojn-instruistojn, ke ili partoprenu ĉi tiun iniciaton. Se ekfunkcios la Instruista Sekcio, tio signifos, ke BEA estas savita. Ĝi havos estonton!

*laŭ Dimitar Mutuŝev (el Bulgara E-isto)*

## Ĉilio

**E-kurso por hispanlingvanoj**

Ekde marto 1998 Ĉilia E-Asocio havas sian elektronikan perpoŝtan E-kurson por hispanlingvanoj, kiu fakte arigis jam 208 homojn el la plej diversaj landoj kaj kontinentoj, kiuj parolas la hispanan lingvon. Argentino, Bolivio, Brazilo, Ĉilio, Kubo, Kolombio, Urugvajo, Paragvajo, Peruo, Venezuelo, Meksiko, El Salvadoro, Honduraso, Gvatemalo, Respubliko Dominikana, Porto Riko, Kanado kaj Usono troviĝas inter la atingitaj landoj. Ankaŭ Italio, Aŭstralio, Malajzio,

Francio kaj Hispanio estas lando kie nia kurso havas lernantojn. Kiel ĉiam okazas, ne ĉiuj lernantoj finas la kurson. Proksimume 10% el ili atingas la celon, kaj komencas perfektiĝi. Sed la aliaj almenaŭ ekkonis la lingvon.
Estas tempo por vidi la eblecon plibonigi aŭ plibeligi la kurson. Viaj konsiloj estos bonvenaj. Elŝutu la dosieron el <*http://www.geocities.com/Yosemite/7266 /prononco.html*> Ni multe dankas la helpon kiel korektantoj de Javier Garcia (Ĉilio), Jorge Gutiérrez, (Meksiko), Cvi Solt, (Israelo), Manuel Pancorbo (Hispanio) Mi restas atendanta viajn sugestojn kaj kritikojn pri la kurso.

*Héctor R. Campos Grez*
*strigo@ctcreuna.cl*

## Finnlando

### Eduka semajnfino en julio 1999

Finnlanda ILEI-sekcio, ELFI organizas semajnfinan 11-horan kurson *EDUSEM* por instruantoj, -istoj kaj -emuloj la 2-4-an de julio 1999 en Tampere, Finnlando. Post la kurso eblas daŭrigi la lernadon en semajna kurso "*Semajno de 12 steloj*", kiun aranĝas E-societo *Antaŭen*. La kursloko estas malnova bienego, kie nun funkcias agrikultura instituto. La trankvila ĉirkaŭaĵo estas kampara, sed tamen en la urbo, kelkajn kilometrojn for de la centro. Instruisto en ambaŭ kursoj estas dr-ino Katalin Smidéliusz.

*Kontaktu s-inon Sylvia Hämäläinen, Teivaalantie 85, FI-33400 TAMPERE, rete: <veli.hamalainen@kolumbus.fi>*

### E-kurso en Enontekio

En la lernejo de Enontekio en finnlanda Laponio instruisto pri fiziko organizis 38-horan E-kurson dum la aŭtuna semestro. Aliĝis 15 volontulaj partoprenantoj aĝaj 16-18 j. Estis uzitaj *Mazi-kurso*, muzikoj de Joelle Rabu kaj Nikolin, la lernolibro *Via dua lingvo* de V. Kolari kaj interreto. Fine de la kurso okazis ekzameneto (tradukado, skriba esprimado de pensoj) kaj vizito al kafejo, kie la kursanoj devis paroli E-on kaj ĉiuj devis preni la parolvicon. La kursanoj gajnis 1 krediton el la 75 devigaj por trapasi liceon. Ili entuziasmiĝis pri la lingvo sed plendas pro manko da tempo kaj la laborŝarĝo kaŭzita de la aliaj fakoj. Kelkaj intencas partopreni la kongreson en Berlino kaj/aŭ daŭrigi la studadon pri E-o post la liceo, kutime 3-jara kaj finiĝanta per ŝtata maturiga ekzameno.

*laŭ la informoj de Pekka Välimäki kompilis Raita Pyhälä*

## Francio

### Internacia korespondado en Briançon

De oktobro 1997 ĝis junio 1998 la 5-a klaso de la publika bazlernejo *Sainte Catherine* iniciatis leterinterŝanĝon kun 20 landoj. Ĉiu lernanto korespondis kun sia preferata lando pere de Esperanto kiel pontlingvo.
*Paulette Naulet* (FR) provizis nin per 9 valoraj adresoj, *Henri Menard* (FR) per

1, *Ronald J. Glossop* (US) sendis la liston de la projekto *Fundapax*.
Ĉiu lernanto elektis adreson, fakte landon, pri kiu li/ŝi respondecos. La tuta klaso devis elekti temon por komenci la korespondadon, mi fakte proponis 2 eblajn temojn : "Ĉu en via lando oni batas infanojn?" aŭ "Kia estus via ideala lernejo?"
Ni planis ekspozicion de desegnaĵoj por montri ilin al la gepatroj kaj aliaj klasoj. En letero unu linio estis en la franca, unu linio libera por mia E-traduko kaj la 3-a linio por la eventuala traduko fare de la instruisto. Nia celo estis ricevi respondon de fora lando. Ni estis centoble pli surprizitaj ol antaŭvidite. La eksterlandaj kolegoj/samideanoj bonege reagis kaj sendis mirindaĵojn. Kelkaj infanoj jam tro dorlotataj aŭ male tro taŭzitaj (aŭ ambaŭ) estis postulemaj, eĉ venis patrino nur pro tio, ke la filo ankoraŭ ne ricevis respondon.
En la 2-a sendo de letero la klaso ĝenerale montris pli da intereso pri la elektita lando, la infanoj aĉetis per sia propra mono poŝtkartojn kaj eĉ donacetojn.
Forta premo pezis sur mi: la ne-respondo de kelkaj landoj estis tre grava problemo. La gelernantoj senpacience gvatis la poŝtiston. Ili deziregis ricevi respondon de la fora lando, kiun ili elektis kaj amis. Ili volis montri al siaj samklasanoj, al siaj gepatroj kaj geamikoj koverton alvenintan de tre malproksime kaj plenan je mirindaĵoj: letero, desegnaĵoj, surprizoj. Sed ili ankaŭ plendis kaj ne fidis. Esperanto, antaŭe nekonata de ili nepre devis montri sian utilecon. Mi promesis internacian korespondadon danke al Esperanto, do nun mi respondecis pri la fido de miaj gelernantoj pri E-o.
Intertempe, kolegino faka pri komputado proponis helpi min por ke mia klaso faru kodoromon. Ĝi estas interaktiva libro, multimedia dokumento. En la unua paĝo, oni elektas per musklako la landon (1 el la 20 kolorigitaj sur la mondomapo.) Poste venas la elektita 2-a paĝo, kie la infano respondeca pri la elektita lando prezentas diversajn dokumentojn: sian foton, la mapon de la amata lando, pejzaĝon, klarigojn kaj per musklako oni denove povas fari elekton. Laŭ la ricevitaj dokumentoj kaj la intereso de la infano, li/ŝi proponas montri (sur la paĝoj numero 3) belajn PM, skribmanieron en la japana aŭ desegnaĵon, poŝtkarton, gazeteltondaĵon de le eksterlanda E-grupo kun la vizaĝo de la plumamik(in)o k.t.p. Praktike, ni uzis skanilon por enkomputiligi la dokumentojn ricevitajn de ĉiu infano.
Malgraŭ la 5 ne-alvenintaj respondoj: Aŭstralio, Benino, Kubo, Togolando kaj Kongo (Zairo), ni venigis ĵurnalistinon de la regiona ĵurnalo kaj ŝi admiris la ekspozicion (eĉ la gelernantoj sen respondoj kreis belan kaj interesan afiŝon pri sia elektita lando). Ŝi lernis uzi nian softvaron por vojaĝi tra la mondo. Ŝi verkis poste favoran artikolon.
La inspektoro vizitis min kaj verkis tre favoran raporton pri la kultura riĉeco en nia klaso. Mi senhezite parolis al li pri la korespondado sed ne rekte propagandis E-on, kaj li mem ne demandis pri E-o. Li sciis, ke mi instruis ĝin en la kulturdomo,

jam gratulis pro tio, kaj verŝajne memoris pri hazarda renkonto antaŭ iu lifto, dum mi estis babilanta E-lingve kun mia filineto.

Tiu unika projekto malfermis la horizonton de miaj gelernantoj kaj espereble instigas ilin: 1) pozitive rilati al fremdaĵoj kaj fremduloj,
2) pozitive rilati al E-o, kreante kondiĉojn por plua informado.

Dankegojn al la samideanoj kaj la klasoj, kiuj respondis el Brazilo, Bulgario, Ĉinio, Kanado, Hungario, Japanio, Kolombio, Nederlando, Pollando, Rumanio, Rusio, Svedio, Usono, Uzbekistano.

*Françoise Noireau*
*Les Pommiers 14 B, Chemin de la Tour, FR-05100 Briançon*

## Germanio

**Pedagogia seminario en Berlino**

*"Eksedziniĝinto estas*
*a) viro, kiu neniam havis edzinon,*
*b) virino kiu jam ne havas edzon aŭ*
*c) virino, kiu neniam havis edzinon."*

Ĉu vi scias la solvon? Kaj ĉu vi povus klarigi la gramatikan fonon al viaj gelernantoj se vi instruus E-on? Kiel oni povas klarigi gramatikon kaj aliajn temojn rilatajn al la instruado de E-o? Ĝuste tion ni pritraktis dum la seminario pri instrumetodiko, kiu okazis de la 23-a ĝis la 27-a de oktobro 1998 en Berlin. De nia gvidantino - *Katalin Smidéliusz* el Hungario - ni lernis dum kvar tagoj interalie pri la jenaj temoj: planado kaj organizado de lecionoj, la trovo de taŭga lernolibro, prilaboro kaj uzo de tekstoj, bildoj kaj vidbendoj (*Mazi* kaj *Pasporto al la tuta mondo*) por instrui, instrumetodoj en la pasinteco kaj nun, rolo kaj taskoj de bona instruisto, E-literaturo kaj interkulturaj diferencoj. Sed la partoprenantoj (kiuj venis el Britio, Danio, Pollando kaj Germanio) ricevis tiujn informojn simple ne nur per aŭskultado de prelegoj kaj legado de tekstoj. Male, ni multe diskutis en rondoj, grupetiĝis kaj interagadis - kaj ni ludis multe. La ludoj estas aparte menciindaj, pri ili respondecis Sabine Trenner el Germanio, kiu organizis kaj kungvidis la seminarion. Per la ludoj ni vekiĝis kaj varmiĝis je la komenco de la taga laboro kaj kiam ni laciĝis dum la studado, ni grupiĝis kaj kunlaboris kaj amuziĝegis. Do, entute ni ricevis multajn ideojn kaj instigojn ne nur pri ludoj, sed ankaŭ pri aliaj rimedoj por pli interesigi kaj efikigi la lingvoinstruadon. Resume mi volas diri ke Katalin kaj Sabine ambaŭ estis tre bone preparitaj, kompetentaj kaj simpatie sukcesis krei laborigan, kreeman, rideman grupan etoson en kiu mi mem (sed mi kredas, ke ankaŭ la aliaj) tre bone fartis. Ili sukcesis doni al mi la emon daŭrigi la studadon kaj pli edukiĝi kiel instruantino de Esperanto.

*Birke Dockhorn*
*<birkedockhorn@hotmail.com>*

## Hispanio

### Kurso en mezlernejo

La 9-an de decembro komenciĝis en IES Serrallarga, ŝtata mezgrada lernejo en Blanes (Girona), tri-monata kurso de E-o kiel oficiala, devige elektebla studobjekto. Ĝi estas unu el la t.n. "Variaj Kreditoj" kiujn la lernejo ofertas por ke lernantoj elektu kelkajn. Post la elekto partopreno en la kurso estas deviga kaj la lernantoj ekzameniĝas kaj ricevas noton [*vidu artikolon pri tiu temo en IPR 2/98 p.19*].

Aliĝis 7 gejunuloj inter 14- kaj 16-jaraj (averaĝa nombro por tiaj kursoj estas 12). La kurson gvidas Pedro M. Martín, instruisto pri fremdaj lingvoj en la lernejo. Krom se estos malfavoraj reagoj de la lernantoj, la kurso ripetiĝos en 1999. Por pliaj informoj pri la kurso ne hezitu kontakti min.

*Pedro M. Martín*
*pmarti@pie.xtec.es*

### E-semajnfinoj de Kataluna E-Junularo

Jam ĝislace oni aŭdadas plendojn pri manko de strategio (aŭ eĉ preskaŭa malapero) de la junulara movado en Katalunio. Jen iniciato kiu pretendas inversigi tiun tendecon per freŝa rimedaro: la t.n. "Esperanta semajnfino".

*Kio do estas la Esperantaj semajnfinoj?*

Kunveninte, kelkaj KEJ-veteranoj konstatis ke la instruado de E-o al gejunuloj estas ankoraŭ tro disa, malkunordigita kaj misprezentata. Plejofte la kursoj ofertas klasojn unu solan fojon semajne, kaj tial estas longa intertempo kiu faciligas kaj forgeson de lecionoj kaj, precipe, malvarmiĝon de la lerno-entuziasmo. Aliflanke, ofte la bonvolaj instruantoj ne kapablas respondi kontentige al ĉiuj demandoj de la gelernantoj, ĉu pro nekompetenteco pri novaj aspektoj (Interreto, ktp), ĉu ĉar la instruanto ne posedas aktualigitajn informojn rilate al la junulara tutmonda movado. Krome, malabundeco de kursoj implice limigas la nombron de partoprenantoj. Entute do, la eblaj lernontoj estas malmulte kaj mise informataj pri la kursoj kaj pri E-o mem.

Esperanta semajnfino estas forumo per kiu ĉiuj homoj iam ajn interesiĝintaj pri E-o povas ekhavi pli ĝustan komprenon de la internacia lingvo kaj de la komunumo kiu ĝin uzadas. Malmultekosta prezo (ĉ. 6.000 pesetoj / 36 eŭroj) estas plia allogaĵo por ĉiuj.

Kompreneble, per tri-taga kvazaŭkurseto ni ne pretendas (cetere, estus stulte) instrui la samon kiel en ordinara kurso, sed ĝi estas sufiĉa tempo por atingi tri jenajn celojn:

- Klarigi misideojn kaj dubojn pri la E-fenomeno
- Informi kaj instrukcii pri la funkciado de la lingvo
- Transdoni al la lernantoj ilojn kaj rimedojn por daŭrigi la lernadon de la lingvo kaj ĝian aplikadon, ĉu aŭtodidakte, ĉu per helpo de aliaj aktivuloj.

Ĉar la kurseto estas intensiva, gravas ke la lernant(in)o sentu sin malstreĉa kaj ne "tro-doze" instruata. Tion oni atingas per miksado de tre diversaj programeroj, eĉ se kelkaj el ili ne estas rekte esperantecaj. Ekzemple, oni povas organizi laborgrupojn pri jogo, kampoludoj, teatraĵoj, ktp., laŭ la kompetento de la organizantoj kaj la emoj de la partoprenantoj.
Rilate al la E-rimedoj, ili devas esti kiel eble plej buntaj, tiel ke panorama prezentado realiĝu: ĉiuspecaj libroj, gazetoj, junularaj bultenoj, kasedoj kaj diskoj, domenoj kaj aliaj tabloludoj, vidbendoj kiel la Mazi-kurso aŭ dokumentoj, aliĝiloj, kongreslibroj, pluraj aliaj esperantaĵoj, persona dosiero kun tekstoj kaj ekzercaro, ktp... Gravas ankaŭ la vizitoj de E-veteranoj, kiuj alportas novajn ideojn kaj vidpunktojn dum la renkontiĝo. Tiuj E-lingvaj vizitantoj mem povas profiti el tio, ĉar la semajnfino permesas refreŝigon kaj utiligon de E-scio. Iel, do, ĝi estas ebleco por renkontigi konatojn kaj konotojn. Ĝis nun ni okazigis kvar tiajn semajnfinojn kun malsimilaj rezultoj, sed ĝenerale la sperto estas tre pozitiva kun averaĝa nombro de po 9-10 partoprenantoj.

*Carles Berga kaj Pako Belmonte*
*<pabe@adam.es>*

## Hungario

### Aperis la memorlibro

La volumo *Memorlibro - Kolekto de la prelegoj dum la solena internacia konferenco organizita okaze de la tridekjariĝo de la universitata fako Esperantologio - Budapeŝto, 17/18-04-1997* estas preta. Ĉefredaktoro - Tamás Gecső, Respondeca redaktoro kaj faka kontrolisto Zsuzsa Varga-Haszonits, Teĥnika redaktoro Lariko Golden, Kunlaboranto - Anita Renkecz.

*Informis: Blazio Vaha (n. s. Wacha)*

### E-ekzameno en urbo Debrecen

La 14-an de januaro 31 gestudentoj sukcese trapasis t.n. studfinan E-ekzamenon en KLTE (Scienca Universitato "Lajos Kossuth") en Debrecen. La kursestro estis Tibor Papp, ekzamenis d-ro József Szabó kaj la kursestro. Kompreneble, la E-kurso estos anoncita ankaŭ por la dua semestro en 1999.

*Tibor Papp <db@satrax.hu>*

## Irano

Komence de 1998 en la matematika fakultato de Universitato "Ferdosi" en la urbo Maŝhad (gubernio Ĥorasan, orienta parto de Irano) ekfunkciis E-kursoj. La kursojn gvidas s-ro Mohamad Moafi kaj ĝin partoprenas matematikaj studentoj, profesoroj kaj komputer-studentoj.

*Mojtaba Kheir-Khah, 37, k. 135, 10Metry Dowom, Javadieh, IR-13657 Tehrano*

## Pollando

**Didaktika Esperantologia Jarkonferenco en Krakovo, 1999**

La Konferenco okazos la 24-25-an de aprilo 1999. El la programo:

- metodika seminario laŭ la nivelo kaj bezonoj de la partoprenantoj
- Jadwiga Gibczynska – aktorado en la lingvoinstruado
- diskuto pri lingvaj problemoj en Esperanto
- ekskurso aŭ vizito de Muzeo en Collegium Maius de Jagiellona Universitato

Partoprenkotizo: 3 zlotoj.

Aliĝadreso: *Maria Majerczak, Pola Sekcio de ILEI (adreso sur la 3-a kovrilpaĝo)*

**Prof. d-ro Tyburcjusz Tyblewski** 

Kun grandega doloro ni informas pri la forpaso de Tyburcjusz Tyblewski (1.04.1933-1.12.1998) psikologo-sciencisto, verkisto, tradukisto, instruisto de Esperanto kaj la pola lingvo, Profesoro, Senatano kaj dekano en Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino, ĉefredaktoro de "Pola Esperantisto" kaj "Eŭroponto", ILEI-membro kaj aktiva kunlaboranto, grandanima homo, tute sindona por Esperanto.

*Pola Sekcio de ILEI*

## Usono

**Somera E-kursaro en SFSU, 1998**

*Instruistoj estis*: Katalin Smidéliusz (Hungario), John Wells (Britio), Aleksandro Shlafer (Rusio/Usono, ĉefinstruisto). Kanae Hirose (Japanio) estis respondeca pri ekster-kursa instruado.

*Kelkvorte pri la cetero*: La kvanto de kursanoj estis ĉ. 60 (verŝajne rekorda nombro!). Tiu ĉi estis jam la 29-a (!) jaro de oficiala Somera Esperanto-kursaro en SFSU (San Francisco State University = Ŝtata Universitato de San Francisco) – la motoro de la programo de la komenco estis kaj restas nia kara Cathy Schulze, honora membro de UEA kaj tre ĉarma homo. En 1998, la unuan fojon, neniu el la instruistoj estis "vera" usonano (mi ja vivas en Usono, sed nur kelkajn jarojn), kio certe aldonis eĉ plian internaciecon al la tuta aranĝo. Post la fino de la kursaro mi ricevis multajn reeĥojn, tre favorajn kaj dankajn pri la organizado kaj pri la instru-nivelo. Ne temis pri nura instruado. Preskaŭ ĉiutage estis organizataj aldonaj aranĝoj: kunvenoj de literatur-amantoj, internaciaj (UEA/ILEI) kaj usonaj E-ekzamenoj, prelegoj, informaj, muzikaj kaj distraj vesperoj, konversacia rondo por komencantoj ktp. Konklude: bonvenon al la ĉi-jara, 30-a, jubilea kursaro en San Francisco!

*D-ro Aleksandro Shlafer,*
*<alexs@esperanto.org>*

## EKZERCOJ AL LA TUTA PASPORTO

La prezoj de la *Ekzercoj al la Tuta Pasporto*, la ilustrita ekzercaro pretigita de ILEI [*vidu la 26-an paĝon*] apoge al la usona vidbendo *Pasporto al la Tuta Mondo*, prezentita sur p. 33 de IPR 98/3 estas nun fiksitaj. Ĉe ILEI kaj UEA la prezo estas 7,80 NLG por la nebindita kolekto kaj 9,00 NLG por bindita ekzercaro. La du-vidbenda kolekto (lecionoj 1-4), kune kun la ekzercoj kaj la scenara teksto estas aĉetebla rekte de la produktantoj (ELNA, 90 USD, nur NTSC-versio; FEL 81 EUR, nur PAL-versio) aŭ de UEA (78,95 EUR + 6 %, nur PAL-versio). Ĉe ĉiuj liverantoj aldoniĝos ekspedkostoj.

## NOVA ELDONO DE LA GVIDILO DE INTERNACIAJ EKZAMENOJ

En majo aperis dua eldono de la gvidlibreto por la elementa kaj meza niveloj de la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI kaj UEA. La unua eldono de la gvidilo, verkita de Stefan MacGill, aperis en 1989 kaj post elĉerpiĝo ĝi estis senŝanĝe represita en 1996. La unua parto de la 34-paĝa gvidilo enhavas la celaron, postularon kaj regularon de la ekzamenoj. En la dua parto estas specimenaj tekstoj de la ekzamenoj de ambaŭ niveloj. Interesitoj povas do ricevi bonan bildon pri la ekzamenoj kaj sekve pli bone prepari sin. La gvidilo taŭgas kiel ekzercilo por memstudantoj sed ankaŭ por kursoj.

La nova eldono estas reviziita de Atilio Orellana Rojas, la nuna prezidanto de la Internacia Ekzamena Komisiono de ILEI/UEA, kiu povis konsideri la spertojn el la ekzamensesioj, okazintaj jam en multaj landoj en ĉiuj kontinentoj.

La libreto kostas 6,60 guldenojn. La libroservo de UEA donas trionan rabaton ekde tri ekzempleroj.

## KALENDAROJ

La poŝtkarta kalendaro de IEI por la jaroj 1999 kaj 2000 estas jam haveblaj. La kalendaro utilas, ekzemple, por sendi al amikoj viajn novjarajn bondezirojn aŭ por instrui al viaj E-gelernantoj la kalendarajn esprimojn. La prezoj, ekskluzive de la sendokostoj estas jenaj: kvanto – prezo (NLG)

1 – 1,00; 5 – 4,00; 10 – 7,50; 25 – 15,00; 50 – 30,00; 100 – 55,00; 500 – 275,00. Se vi mendas 500 ekzemplerojn, la sendokostoj estas inkluzivitaj en la prezo.

## INTERNACIA KONKURSO DE INFAN-DESEGNAĴOJ

La Kultur-Domo de la urbo Milanowek kaj E-Grupo funkcianta ĉe la Kultur-Domo invitas infanojn kaj adoleskulojn (de 6 ĝis 18-jarajn) en la tuta mondo

[*daŭrigo sur la paĝo 27-a*]

partopreni konkurson de infan-desegnaĵoj, kiun oni organizas en kunligo de la 100-jariĝo de la urbo Milanowek. Temo: *Mia malgranda patrujo*.
La partoprenanto de la konkurso prezentas sian plej proksiman ĉirkaŭaĵon hejme, en la familio, lernejo, regiono, urbo aŭ vilaĝo, en kiu li/ŝi vivas, aŭ prezentas scenojn pri la ĉiutaga vivo, tipaj festoj, familiaj solenaĵoj, kutimoj, ktp. En la konkurso povas partopreni infanoj el la tuta mondo, inkluzive de la poldevenaj infanoj, kies gepatroj ekz. konstante loĝas eksterlande.
Unu partoprenanto rajtas sendi maksimume du konkursaĵojn. La realig-tekniko de la konkursaĵo estas laŭplaĉe elektebla. Formato A-3 aŭ proksima laŭ la grandeco. *La limdato* de la alsendado de la konkursaĵoj: la 15-a de aprilo 1999.
La konkursaĵoj estos prezentitaj dum speciala ekspozicio en la Ekspozicia Centro de Milanowek dum 4-6 semajnoj, komencante de la 2-a de majo 1999.
Oni antaŭvidas objektajn premiojn (po 3 en ĉiu aĝogrupo). Krome estos atribuita premio de la urbestro de Milanowek, premioj de kelkaj firmaoj de Milanowek - produktantaj diversajn objektojn, dolĉaĵojn k.a.
La premiojn kaj diplomojn oni dissendos al la infanoj perpoŝte ĝis la fino de junio 1999 kune kun la E-lingva mallonga historio de la urbo Milanowek.
La adreso, al kiu oni sendu la konkursaĵojn kaj ricevu pliajn informojn estas jena: *Miejski Osrodek Kultury, ul. Koscielna, PL-305-822 Milanowek, Pollando.*
Respondeculoj de la konkurso: *Aleksandra Magierecka*, direktoro de la Kultur-Domo de Milanowek, *Andrzej Pettyn*, vicprezidanto de la Urba Konsilantaro de Milanowek.

## ELDONPLANOJ POR ILEI EN 1999

NdlR: *en IPR 98/4 ni promesis, ke en la venontaj numeroj ni prezentos al vi resume la planojn, kiujn la estraranoj kaj komisionestroj estas pretigantaj pri siaj agadoj en la respektivaj kampoj. Nun sekvu la planoj de* Stefan MacGill, *nia vic-prezidanto, sur eldona kampo, en okupiĝordo:*

- **Kunredakti** jubilean antologian numeron de *Juna amiko*. Intense prilaborata januare cele al solida 52-paĝa numero. Estos inkluzivita en abono por 1999 kaj aparte aĉetebla.
- **Trovi** novan ekspedo-vojon por *Juna amiko* kaj nia libroservo. La hungara poŝto ŝokis nin per afrank-altigoj inter +60% kaj +250%, dum ni buĝetis la kutiman +17%. Sekve, ni transiros al komerca ekspedisto - unu proponas tarifojn 25% malpli ol la poŝto. Do, vundiga sed ne mortiga bato por ni. Serĉoj, negocoj pluiras, solvo ĝis marto.
- **Indeksi** per datum-bazo la enhavon de la dudek kvin jaroj de *Juna amiko*. Farita la periodo 1986-95. Post poluro estos lokita en la hejmpaĝo de *Juna amiko*.



- **Integri** la invetaradon kaj fakturadon de la liga libroservo. Jarŝanĝa inventaro farita kaj sistemo kreata.
- **Eldoni** la unuan kajeron en serio da lerniloj por etuloj (7-10-jaraj), reage al urĝa peto de nia projekto *Interkulturo*. La serio nomiĝos OKULO, laŭ ĝia gvida figuro. 25 paĝoj verkitaj por 32-paĝa kajero - ilustrado kaj financado solvataj.
- **Verki** ekzercojn por lecionoj 5 kaj 6 de la usona vidbendo *Pasporto al la Tuta Mondo*, por ke ili aperu samtempe kun la bendoj antaŭ la UK.
- **Koncepti** (dum la estrar-kunsido) freŝan varbilon por ILEI kun la nunaj aktivuloj kaj iliaj planoj.
- **Plani kaj verki** novan pli verbo-centran eldonon de la unua kajero de *Tendaraj tagoj*. Restas nur 120 ekz. de ĝia dua eldono. Krei instruistajn gvidilojn por kajeroj I kaj II (tiu lasta promesita jam en 1998). Fini la verkitan anglan kaj esperantan varbilojn por la serio.

## RETAJ AFEROJ

**Korekto**

En la artikolo pri la interreta paĝaro de ILEI (98/4 p. 31-32.) mankas ĝuste la adreso: http://www.uniroma3.it/lps/esp/ilei/. Pardonu pro la eraro! - *NdlR*

**Koresponda listo pri Esperanto-instruado**

Tiuj, kiuj interesiĝus pri partopreno en retpoŝta diskutlisto pri E-INSTRUADO, bonvolu kontakti informcele: Maŭro La Torre <m.latorre@uniroma3.it>

**Reagoj al...**

## M. La Torre: Gvidlinioj por lerneja edukprojekto INTERKULTURO en IPR 98/3

La ĵus proponita lerneja edukprojekto INTERKULTURO montras ne nur, ke al la gvidado de ILEI alvenis nova teamo, sed ankaŭ la fakton, ke en Esperantujo "blovas nova vento."

Kiel por ĉiuj projektoj, ankaŭ por ĉi tiu estos voĉoj "por" kaj "kontraŭ".

Laŭ mi, la ideo estas bonega. Pro tio, kun entuziasmo, mi tuj pretas partopreni,

kune kun miaj gelernantoj, ĉi tiun "eksperimenton", eĉ se ni agadas en iu montvilaĝeto de Rumanio, en iu lernejo, kiu ne disponas pri modernaj komunikiloj.
Kial ni emas fari tion? Tutsimple, ĉar ni fidas je la utilo kaj graveco de la projekto. Eĉ mi povas argumenti: nia tuta agado ĉi tie, jam sufiĉe riĉa post kvar jaroj, naskiĝis el nia partopreno en la FUNDAPAX-projekto. Do tio signifas, ke ĉiu ajn serioze pensita kaj planita agado povas havi bonajn rezultojn per la implico de la diversaj lernejoj de la mondo. Kaj eĉ se la eksperimento fine ne sukcesus 100 procente, gravas tiuj semoj, kiuj ĝermos kaj donos novan rikolton. Eĉ se nur unu semo ĝermos, nia laboro ne perdiĝos.
Pro tio, kun la sincera kredo, ke la Projekto sukcesos, mi sincere gratulas s-ron Maŭro La Torre pro la iniciato kaj deziras al ĉiuj partoprenontoj plenan sukceson.

*Mihai Trifoi,*
*Scoala Generala Nr. 1, RO-4038 Bixad, Jud. Covasna, Rumanio*

## Leterkesto

*NdlR – Nia nova estrarano, s-ino Carla De Lorenzi dissendis enketilon al la sekcioj de ILEI, per kiu ŝi kolektas informojn pri la diversaj E-kursoj. Ŝin interesas, kiujn materialojn, lernolibrojn, paroligajn ludojn, metodojn oni uzas dum la kursoj por komencantoj. Jam venis la unuaj reagoj. Vidu ŝian leteron, kiun ŝi sendis al IPR por publikigo:*

"Karaj gesamideanoj, mi deziras, ke vi sciu kiamaniere progresas mia enketilo rilate la kursojn. Mi sendis ĝin al ĉiuj sekciestroj kaj al ĉiuj reprezentantoj de ILEI, krome al kelkaj asocioj, revuoj, konatuloj. En kelkaj landoj la sekciestroj tuj aktiviĝis kaj ili mem kolektis la informojn en la tuta lando.
Mi multe dankas ĉiujn geinstruistojn, kiuj respondis, pli ol 40; kelkaj telefonis. Eble kelkaj sekciestroj ne multe laboris aŭ forgesis la tuton, tamen nun mi havas multajn tre interesajn informojn. Al la demandoj kaj leteroj, kiujn mi ricevis, bedaŭrinde mi ne povis ankoraŭ respondi. Unue mi devas reordigi la tuton kaj mi klopodos, iom post iom, ankaŭ respondi ilin: havu paciencon!
Tiuj, kiuj ankoraŭ ne skribis al mi aŭ volas aldoni ion, bonvolu fari tion tuj: sendu ĉion rekte al mia adreso! Kiam ĉio estos ordigita, mi preparos dosieron kaj /aŭ eble aldonos al la revuo por la abonantoj, kaj / aŭ libreton, kiun vi povos facile aĉeti.
Por via informo: mi ricevis ankaŭ librojn kaj liston de brajligitaj kaj surbendigitaj libroj. Multan dankon al ĉiuj!

*Carla de Lorenzi,*
*via Boston 65, IT-10137 Torino, Italio, Tel. +39 011 390 787*

## NAŬ BOSNIAJ INFANOJ EN SUDA FRANCIO

Dino! Tarik! Miran! Kion vi preferas, iri al St-Girons por butikumi, aŭ amuziĝi en la naĝejo? La knaboj, kiuj ne havis okazon butikumi antaŭe, preferas butikumi, dum Merima, Denisa, Anida kaj Anida preferas resti kun Mathilde, Amandine kaj Aurélie, iliaj francaj amikinoj en la restadejo La Maraude.

Hodiaŭ 18-a de julio 1998 estas por naŭ bosniaj junuloj la lasta tago de trisemajna restado en nia tuluza regiono.

Por ili, la aventuro komenciĝis jam en septembro 1997, aŭ januaro 1998, aŭ eĉ en marto 98 por tiuj, kiuj nur tiam komencis lerni E-on.

Senad Ĉolic, la prezidanto de E-Ligo de Bosnio-Hercegovino, estas delonge en koresponda rilato kun Esperanto-Kultur-Centro (EKC) de Tuluzo. En julio1997 EKC informas lin ke la projekto inviti dek lernejanojn de Sarajevo al tuluza regiono realiĝos venontan someron. Tiun saman jaron, E-kursoj ekfunkcias en kvar diversaj lernejoj de Sarajevo, kaj ankaŭ en Zenica, je 30 km de Sarajevo.

Senad, post pripenso kaj interkonsiliĝo, elektas infanojn el diversaj lokoj por la vojaĝo al Tuluzo, komencantojn same kiel fluparolantojn: ja gravas ke eĥoj de tiu aventuro plejvaste dissemu informojn pri E-o.

Merima kaj Denisa, kiuj lernas E-on de pli ol du jaroj, jam flue parolas, sed Dino kaj Miran apenaŭ balbutas. Tamen tiu ĉi vojaĝo esperelble donos al ĉiuj vojaĝemon, kaj do stimulos al lingvolernado.

Kaj ĉe la francaj korespondantoj, kio do okazis?

Aurélie, Mathieu, Yves, Mathilde... kaj aliaj, interesiĝis pri anonco de sia matematika instruistino: "Se vi deziras korespondi kun infanoj de Sarajevo, kaj eble renkonti ilin, venu al kunveno la .....". La proponita E-klubo kun tiu ambicia celo, allogis pli ol dudek lernejanojn, sed nur dekkvin restis, kiuj regule kunvenis kaj lernis la lingvon ĉiusemajne dum la tagmanĝa paŭzo.

La gepatroj poste estis invititaj al kunveno, kie venis sep aŭ ok familioj, kiuj preskaŭ ĉiuj konsentis gastigi bosnian infanon.

Entuziasmo regis en la E-klubo, eĉ inter tiuj, kies familioj ne povas gastigi. Oni sendis leterojn, kartojn kun desegnaĵoj kaj kasedojn, oni preparis skeĉojn en E-o, kaj oni kontribuis diversmaniere al monkolektado, per vendo de kartoj, kukoj, ktp...

Fine, la 30-an de junio, ILI ALVENIS per buseto, ĉiuj klubanoj atendis ilin antaŭ la preĝejo de Castanet, kie estis la rendevuo. Emocia momento, kiam la Bosniaj infanoj, vojaĝinte pli ol tridek horojn, devis disiĝi por iri en siajn gastfamiliojn.

Dino, la plej juna, tute ne parolis E-on; feliĉe Tarik, akceptita en la sama familio ĉe Yves, iom komprenas, kaj tra li la komunikado pasas. En alia familio

oni komunikas per gestoj, kaj ankaŭ per anglaj vortoj, ĉar la gepatroj ja ne lernis E-on. En la gastfamilio de Denisa kaj Anida, oni devas uzi E-on, ĉar Mathilde kaj Amandine ne scipovas la anglan.

Dum la 12-taga restado en la familioj, la bosniaj junuloj rekuniĝis plurfoje, por komunaj ekskursoj, al la mezlernejo kie ilin akceptis la direktoro, al la historia urbocentro de Tuluzo, al la Spaco-muzeo, al naĝejo kaj al mezepoka civito Karkasono (Carcassonne).

Venis la momento iri al la Pirenea restadejo *La Maraude*. La 100 kilometrojn de Tuluzo al St Girons ĉiuj bosnianoj veturis trajne, akompanataj de Miquela, la matematika instruistino kiu iniciatis la projekton.

Varma akcepto nin atendis en *La Maraude*, kies etoso ĉiam pli kaj pli internacias: krom la konstantaj enloĝantoj, kiuj ĉiuj komprenas E-on, troviĝis tie pola paro kaj tri junaj argentinanoj! La novaj enloĝantoj, kiel Dany, kiu okupiĝas pri la azenoj, lernas E-on. Bosniaj kaj francaj infanoj tuj admiris la belegan pejzaĝon kaj panoramon videblan de la ĉambroj.

Pro ne sufiĉa disponeblo de Fetah, la bosnia akompananto, la restado reduktiĝis de du semajnoj al nur unu. La programo tamen estis riĉa. Ni tutajn posttagmezojn piedmigris, banis la piedojn en purakvaj lagoj kaj en torentoj, pasigis du noktojn en montara rifuĝejo, kie ni kuiris nian manĝaĵon sur ligno-fajro, kantis ĉirkaŭ la fajro en diversaj lingvoj... Ĉiumatene kelkaj infanoj povis laŭvice iniciiĝi je kaprina prizorgado kaj fromaĝ-farado. Ĉiuj lernis kiel baki panon kaj okazis eĉ E-lecionoj! Vespere oni ludis, kantis, foje rakontis legendojn, kaj la lastan vesperon oni dancis. Mi preskaŭ forgesis la futbalmaĉojn inter la esperantistoj kaj la aliaj infanoj de *La Maraude*, kaj la varman akcepton de la vilaĝestro, kiu invitis la bosnianojn spekti ĉe sia hejma televidilo la gravan finan mond-maĉon!

Ekestis interesa grupdinamiko: la unuajn tagojn la bosniaj infanoj plezure retroviĝis, post tiuj dekdu tagoj pasigitaj en diversaj familioj, ili babilis kaj restis inter si. Sekve ankaŭ la francoj restis inter si. Sed iom post iom la roloj ŝanĝiĝis kaj knabinoj kiuj amikiĝis dum la familia restado pli kaj pli ofte amuziĝis kune. La apartiĝo estis tiam inter knaboj kaj knabinoj. Tio evidentiĝis kiam la lastan tagon, ĉiuj knabinoj preferis resti kunaj.

Hodiaŭ la bosnianoj foriris, per la sama buseto, kaj atingis bonorde Sarajevon, post tridekhora veturado.

Kio okazos nun? Ĉu la korespondado pludaŭros? La infanoj invitis la familiojn al Sarajevo: ĉu okazos la reciproka vojaĝo? Kial ne, sciante ke ĉi-aŭguste estos akceptata en Sarajevo Kataluna E-grupo? Ĉiuokaze Miquela plugvidos E-klubon en la lernejo Jean Jaurès, kun ĉiuj geknaboj kiuj deziras plulerni kaj perfektiĝi, kaj korespondi kun pluraj aliaj landoj. Ni sekvu iliajn postajn aventurojn!

*Jeanne-Marie Cash*

**Pedro M. Martin:**

## KOOPERATIVA LERNADO: ĈU NOVA PANACEO?

Pro ŝanĝoj en la eduka sistemo ĉe ni, en Hispanio, lastatempe multaj instruistoj devis alfronti tutan novan situacion en siaj lernoĉambroj; precipe mezlernejaj instruistoj, kiuj vidis kiel siajn lernejojn eniris lernantoj pli junaj (nun 12-, antaŭe 14-jaraĝaj) kaj pli diversaj laŭ interesoj kaj konoj. Lernantoj kiuj devas resti tie ankaŭ pli longe (nun ĝis 16-, antaŭe ĝis 14-jaraĝaj), kio ofte kreas kondutajn problemojn de tiuj kiuj tute ne interesiĝas pri lernado sed devas vizitadi lernejon ankoraŭ du pliajn jarojn. Krom plendi pro tiuj novaperintaj malfacilaĵoj, multaj instruistoj klopodas trovi aliajn pedagogiajn teknikerojn por plibonigi sian laboron. Unu el tiuj teknikeroj, kiu nun furoras estas la t.n. *Kooperativa lernado*. *Kooperativa lernado* estas iom bombasta nomo por varianto de la konata grupa laboro kiun preskaŭ ĉiu instruisto foje uzas en sia ĉambro. Sed *Kooperativa lernado* ne estas tamen normala grupa kunlaboro ĉar ĝi celas atingi multon pli ol la simpla sumo de la laboroj de ĉiuj membroj de la grupo. Kutime la celo de grupa laboro estas simple ke la lernantoj praktiku tion kion la instruisto jam antaŭe per tradiciaj teknikoj sciigis al ili, kaj ĝi estas tre libere organizita de la lernantoj mem. Kontraŭe, ĉe *Kooperativa lernado* la instruisto devige arigas la lernantojn (po 4/5) en heterogenajn grupojn, t.e. bonajn lernantojn kune kun mezaj kaj malbonaj, kaj ne nur laŭ konoj, sed ankaŭ laŭ interesoj, konduto, laboremo, ktp.

Ĉiu grupo prilaboras unu ĝeneralan apartaĵon de la lernota temo, kaj ene de la grupo la instruisto disdonas al ĉiu membro, laŭ ties kapabloj, iun konkretan laboron kaj gvidliniojn pri kie kaj kiel akiri la bezonatajn sciojn (libroj, revuoj, demandoj al fakuloj...). Ĉiu lernanto devas fariĝi "spertulo" pri sia "fako" kaj poste instrui ĝin al siaj kunmembroj. Fininte la laboron, la lernanto ricevas tri notojn: unu de la membroj de la grupo pri sia instru-kapablo; alian de la instruisto pro la ĝenerala laboro de la grupo (la sama por ĉiuj en ĝi) kaj la trian li ricevas post aparta ekzameno pri la temo.

La celo de *Kooperativa lernado* ne estas nur ke la lernejanoj lernu tra la kooperado, sed ke ili lernu ankaŭ bone kunlabori. Kooperado implicas ke ĉiu membro de la grupo kapablos atingi sian celon nur se la aliaj same atingas siajn; individua sukceso dependas de kolektiva sukceso, kaj inverse. Ankaŭ la fakto ke ĉiu lernanto fariĝas instruisto de siaj kunmembroj plifaciligas la lernadon, plibonigas memfidon kaj konsciigas lernantojn pri la ne ĉiam facila laboro instrui. Dume la instruisto kompreneble ne ferias sed ja devas kontroli la tutan procezon de la komenco. Lernantoj ne multe ŝatas la ideon labori kun aliaj kundisĉiploj de ili ne elektitaj kaj kutime deziras labori nur kun siaj geamikoj, kelkaj eĉ preferas labori solaj. La unua tasko de la instruisto estas do konvinki ilin pri la bono labori en tia maniero. La konstato ke nuntempe preskaŭ ĉiu anonco pri bona

labor-posteno postulas “bonan kapablon labori en skipo” estas argumento kiu ofte povas helpi tiurilate. Laŭ tiuj kiuj ĝin aplikas, la praktikaj rezultoj de *Kooperativa lernado* estas ĝis nun tre ĝojigaj: la nombro de nekontentigaj notoj malpliiĝis je 60%; geknaboj kun kondutaj problemoj pli bone integriĝas en la lerneja vivo; la rilato lernanto-instruisto pliboniĝis; kaj (ne surprize post tiuj faktoj) nerva streĉiteco ĉe instruistoj reduktiĝis. Ankaŭ la opinioj de la lernantoj mem estas bonaj: ĝenerale ili diras ke la metodo estas pli distriga ol la lecionoj tradiciaj, ili pritaksas sian propran laboron en la grupo kiel tre aktiva kaj alte taksas la socian flankon de la afero, “oni lernas pli bone koni siajn kunulojn”, ili asertas.

## 33-a ILEI-KONFERENCO
## *Karlovy Vary, 07-13/08/98*

*[Kompletigaj informoj. Ceterajn detalojn vidu en IPR 98/4 – NdlR]*

***Loĝeblecoj:**

La partoprenantoj povos elekti inter du diversaj kategorioj: hotelo kaj studenta loĝejo. Neniukaze la prezoj ĉi-sube indikitaj inkluzivas la matenmanĝon, kiu estas aparte mendebla kune kun la ceteraj manĝoj. La prezoj estas indikitaj en nederlandaj guldenoj (NLG) por unu persono kaj por unu nokto.

- ***Hotelĉambro*** kun duŝejo kaj necesejo, SEN matenmanĝo

unulita ĉambro NLG 85,00
dulita ĉambro NLG 51,00
trilita ĉambro NLG 40,00

- ***Studenta loĝejo*** kun lavpelvo (varma kaj malvarma akvo) kun komuna duŝejo kaj necesejo

unulita ĉambro NLG 62,00
dulita ĉambro NLG 40,00
trilita ĉambro NLG 31,00

***Manĝoj:**

Eblas mendi ĉiujn manĝojn por la konferenca periodo kune por NLG 210,00. Tiu sumo inkluzivas 6 matenmanĝojn, 4 tagmanĝojn (escepto estas la ekskursa tago) kaj 6 vespermanĝojn. Rimarko al la personoj, kiuj aliĝos al la tuttaga ekskurso: en la kotizo por la ekskurso estas jam inkluzivita la tagmanĝo.

***Ekskursoj, transporto el Berlino**

Priskribojn pri la ekskursaj celoj vi trovas en IPR 4/98
- Duontaga piedekskurso tra la banloka centro: senpaga
- Tuttaga ekskurso al Marianské Lázne: NLG 85,00

Transporto rekte de la berlina UK-ejo al la ILEI-konferencejo en Karlovy Vary per speciala aŭtobuso kostas NLG 90,00.

***Informoj:**
Pliaj detaloj estas riceveblaj de la ILEI-Kasisto, Bertil ANDREASSON kaj de la Sekretario, Atilio ORELLANA ROJAS.

***Konferenca programo:**
Informoj pri la enhavo de la programo aperos en IPR 2/99. ILEI okazigos kadre de la Konferenco mem seminarion por trejni personojn, kiuj deziras plispertiĝi pri la instruado de Esperanto ĝenerale. La ĉefinstruistoj estos D-ro Ilona KOUTNY kaj Claude GACOND. Pliaj detaloj aperos en IPR 2/99. Dum la Konferenco okazos C-Seminario kaj diplomiga ekzameno por fariĝi Cseh-instruisto. La interesitoj povas ricevi pli da informoj ĉe: Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando; telefono +31 70 355 66 77, fakso +31 70 358 44 22, <ieì001@worldonline.nl>

***Alireblo al la Konferencejo:**
La urbo Karlovy Vary troviĝas en la plej okcidenta parto de Ĉeĥio, ĉe la limo kun Germanio kaj ĝi estas bone atingebla de ĉiuj flankoj.

1. Partoprenantoj, *kiuj venos al la ILEI-konferenco post sia partopreno de UK* en Berlino: kiuj venos per propra aŭtomobilo, ricevos dum UK en ILEI-giĉeto precizan priskribon de la plej konvena vojo.

Kiuj venos al Berlino per publikaj transportiloj, bv. ne forgesi mendi la veturadon per speciala aŭtobuso de la kongresejo al la ILEI-konferencejo. La vojaĝo pertrajna estas pli kosta kaj komplika (kun minimume tri ŝanĝoj de trajno, aŭ multe pli longa kun unu ŝanĝo, se oni veturus al Prago kaj de tie per publika aŭtobuso). Kaj via antaŭaliĝo estas necesa, por povi mendi konvenan grandecon de la aŭtobusoj.

2. Partoprenontoj, *kiuj aliĝos al ILEI-konferenco sen antaŭa partopreno de UK*: Bonvolu atenti, ke de ĉiuj direktoj krom de proksima okcidento plej taŭgas veturi ĝis Prago kaj de tie daŭrigi per publika aŭtobuso al Karlovy Vary. Se vi planas tiel, bv. indiki tion sur la aliĝilo, ke vi deziras informojn pri la transportebloj de Prago al Karlovy Vary (kaj post apero de nova horaro vi ricevos la informojn rekte de la organizantoj). Vi povas ankaŭ rekte turni vin al la lokaj organizantoj (*KAVA-PECH, Stanjo Chrdlova, Anglicka 878, CZ-25229 Dobrichovice, fakso: 420.2.9912126, rete: chrdle@kava-pech.cz*), precipe se vi deziros mendi tranoktojn en Prago antaŭ aŭ post la ILEI-konferenco (eblas laŭ via plaĉo en diversaj kategorioj de simpla studenta ĉambro ĝis kvarstela hotelo).

La *veturantoj de Germanio* certe konas la konekton de sia regiono, mi nur faciligu la orientiĝon konsilante, ke oni eltrajniĝu (laŭ la uzata linio) en Ustí nad Labem (de Dresdeno) aŭ Marianske Lazne (de Nürnberg kaj Regensburg) aŭ en Plzen (el München). Sekvan konekton ni povas sendi al koncernaj interesatoj post la apero de nova horaro (do komence de junio).

Pri la revojaĝo estas precizaj informoj je dispono dum la konferenco.

# MENDILO POR LA 33-a ILEI-KONFERENCO

**Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj**



*Esperanto – internacia lingvo*

**33ª ILEI-Konferenco**
**7ª-13ª aŭgusto 1999**
**Karlovy Vary – Ĉeĥio**
**Temo:**
**Edukado al la Paco**
**Konferenca numero:**

**Ĉiu aliĝanto uzu apartan aliĝilon, fotokopion aŭ samformatan paperon. Bv tajpi aŭ skribi preslitere.**

FAMILIA NOMO ............................................................................ VIRO/VIRINO
**(por alfabeta ordigo)** **(forstreku unu)**
PERSONA(J) NOMO(J).......................................................................................
ADRESO (nacilingve en latinaj literoj kun poŝtkodo) ..........................................
.......................................................................................................................
LANDO...................................................TEL № (kun prefikso) ............................
PROFESIO/FAKO ..............................................................................................

Mi aliĝas al la Konferenco laŭ la kondiĉoj presitaj sur la sekvaj paĝoj kaj pagas al la ILEI-Kasisto:
**Mi legis, komprenas kaj akceptas la kondiĉojn de ĉi tiu aliĝilo.**

DATO.......................................... SUBSKRIBO.......................................

| | |
|---|---|
| KOTIZO (vd. sekvan paĝon) | .................. |
| LOĜADO | .................. |
| MANĜADO | .................. |
| EKSKURSO | .................. |
| TRANSPORTADO | .................. |
| KASO DAZZINI | .................. |
| KOLEGHELPA KASO | .................. |
| FONDAĴO SZERDAHELYI | .................. |
| FONDAĴO E. LINS | .................. |
| BANKKOSTOJ | .................. |
| ENTUTE (en guldenoj) | ______ |

Se vi aliĝas kiel handikapulo, ĉu ILEI jam havas atestilon? *jes/mi kunsendas* (forstreku unu)

**La kotizoj varias depende de la loĝlando de la aliĝanto, laŭ jena grupiĝo:**

A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj ĉi-sekve sub B

B: iamaj socialismaj landoj de orienta Eŭropo; ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Respubliko), Afriko kaj Latinameriko.

La kotizoj estas pagendaj al la ILEI-Kasisto laŭ jenaj vojoj:
a) al ILEI-konto ĉe UEA: ilek-a, indikante: „ILEI-Konferenco";
b) al poŝtĝirkonto № 68 21 17-7, ILEI, Södra Rörum pl 455, SE-242 94 Hörby, Svedio. Bv aldoni NLG 10,00 por bankaj kostoj;
c) per via banka konto al la antaŭa adreso. Bv aldoni NLG 10,00 por bankaj kostoj.

**Por elekti la ĝustan kotizon, bonvolu atente legi la sekvajn klarigojn:**

| Kotizoj validaj | ĝis 99 03 31 1-a periodo | | ĝis 99 06 30 2-a periodo | | ekde 99 07 01 3-a periodo | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Aliĝkategorio | A | B | A | B | A | B |
| 1. Membro de ILEI | 32 | 27 | 38 | 32 | 44 | 37 |
| 2. Ne ILEI-ano | 40 | 34 | 48 | 41 | 56 | 47 |
| 3. Junulo, handikapulo | 26 | 22 | 31 | 26 | 36 | 30 |

*(La prezoj estas indikitaj en nederlandaj guldeno. Difinoj en IPR 98/4.)*

LOĜADO, MANĜADO
Mi mendas loĝadon en la sube signita kategorio ekde la ...... ĝis la ...... de aŭgusto. La prezoj estas indikitaj en nederlandaj guldenoj por unu persono kaj por unu nokto. Bv. cirkli la mendatan kategorion

Hotelĉambro unulita ĉambro NLG 85,00
dulita ĉambro NLG 51,00
trilita ĉambro NLG 40,00
Studenta loĝejo unulita ĉambro NLG 62,00
dulita ĉambro NLG 40,00
trilita ĉambro NLG 31,00

Mi dividos la ĉambron kun konferencano.............................
Mi havas dieton, nome.......................................................................
Mi mendas manĝadon (210 NLG): *Jes/ne*

EKSKURSOJ, TRANSPORTADO
Mi mendas la tuttagan ekskurson: *jes/ne* (bv cirkli)
Mi mendas transportadon rekte de la berlina UK-ejo al Karlovy Vary per speciala aŭtobuso: *jes/ne*

SEMINARIOJ
Mi aliĝas al la Metodika Seminario: *jes/ne*
Mi aliĝas al la C-Seminario: *jes/ne*

Pagon de ..... mi faris al ........... en valuto........

## SEKCIESTROJ DE ILEI

**Albanio:** Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, AL-Tirana

**Argentino:** Teresita Alaníz, El Ombú s/n, AR-5801 Alpa Corral

**Aŭstralio**: Jennifer Bishop, 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria AU-3122 🖳: *esperanto@education.monash.edu.au*

**Belgio:** Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende

**Brazilo:** Elvira Fontes, Rua Machado de Assis 243, ap. 11, BR-04106-010 Sao Paulo (SP)

**Britio:** Malcom Jones, 1 Regent Avenue, Skipton, GB-North Yorkshire BD23 1AZ

**Ĉeĥio:** Jana Melichárková, CZ-696 02 Ratíškovice 938

**Ĉinio:** Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept., 29-34 North Part, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan 🖳: *zdchen@public.wh.hb.cn*

**Finnlando:** Raita Pyhälä, Jykyrintie 3, FI-69440 Lestijärvi, 🖳: *raita.pyhala@lestijarvi.fi*

**Francio*:** Marie Malezieux-Hunninck, Batiment D5, 20 rue de Champlain, FR-84200 Carpentras

**Germanio*:** Michael J. Scherm, Von Thürheimstr. 47, DE-89264 Weissenhorn

**Hungario*:** József Németh, Kilián ltp. 75/9, HU-8500 Pápa 🖳: *nlalt@konyvtar.c3.hu*

**Irano:** Hamzeh Ŝafii, P.O. kesto 17765-184, IR-Teheran 🖳: *IREJO@neda.net*

**Italio:** Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma 🖳: *m.latorre@uniroma3.it*

**Japanio:** Masumi Suzuki, Inokashira 3-5-12, Mitaka-shi, Tokio, JP-181 Japanio

**Kroatio:** Ivan Bekavac-Basić, Kuŝlanova 59, HR-10000 Zagreb

**Kubo:** H. Jiminéz, Apartado 5120, CU-10500 Ciudad de la Habana

**Nederlando:** Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard 🖳: *ten.hagen.esperanto@wxs.nl*

**Norvegio:** Björn Thuv, Aröyveien 33, NO-3135 Torod

**Pollando:** Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7, m. 122, PL-30 150 Krakow

**Rumanio:** Prof. Popa Florica, Str. Eroilor 29, ap.7. RO-1900 Timisoara

**Rusio:** Irina Gonĉarova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000 🖳: *ab2928@mastak.sitek.ru*

**Svedio*:** Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-24294 Hörby

**Svislando*:** François Randin, Str. Vallombreuse 14, CH-1004 Lausanne 🖳: *ilei.ch@esperanto.nu*

**Usono*:** Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, US-CA 93111-2521 🖳: *72644.2450@compuserve.com*

## REPREZENTANTOJ DE ILEI

**Armenio:** Lida Elbakjan, Moldovakan 26/2, kv. 52, AM-375062 Erevan

**Aŭstrio:** Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, AT-1190 Wien 🖳: *klag.esperanto@online.edvg.co.at*

**Bosnio kaj Hercegovino**: Nimeta Kulenoviĉ, Branica Sarajeva 15/V, BA-71000 Sarajevo

**Ĉilio:** Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curicó, CL-Séptima Región 🖳: *strigo@ctcreuna.cl*

**Danio:** *vakas*

**Estonio:** Helgi Hromova, Pk. 94, EE-3053 Keila

**Hispanio**: Pedro M. Martin Burutxaga, Ctra. Estació 2 A-5-2, ES-17300 Blanes(Katalunio) 🖳: *pmarti10@pie.xtec.es*

**Islando:** Loftur Melberg, Skolabraut 1, IS-220 Hafnarfjördur

**Israelo:** Murĵan Josef, P.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv

**Jugoslavio:** Radojica Petrovic, Bul. Oslobodjenja 36, YU-32000 Cacak 🖳: *radp@emi.yu*

**Kongo:** Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P. 13, CG-Lukala (Bas-Zaïre)

**Kostariko:** Hugo Mora Poltronieri, Apartado 4981, CR-1000 San José 🖳: *miaumiau@sol.racsa.co.cr*

**Koreio:** So Ĵin Su, Dept. de Ekonomiko, Universitato Kang-nam, Kugali Kihung-up, Yon-gin-gun, Kyonggi-do KR-499-900 🖳: *so@kns.kangnam.ac.kr*

**Litovio:** Algimantas Piliponis, Karolinisiu 3-93, LT-2044 Vilnius

**Nov-Zelando:** Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, NZ-Wellington 1 🖳: *Sir_Lancelot@compuserve.com*

**Portugalio:** João Jose Santos Rua da Escola, lote 57 - r/c esq Vale Grande PT-1675 Pontinha

**Slovenio:** Marija Zlatnar-Moe, Miliĉinskega 66, SI-1000 Ljubljana. 🖳: *Marija.Zlatnar@guest.arnes.si*

**Togolando:** Afantchao-B.Yao, B.P. 20225 TG-Lome

**Ukrainio:** Svetlana Fedotova, P.O. Kesto 88, UA-253222 Kiev

**Uzbekistano:** Eugeno S. Perevertajlo, Ab. kesto 140, UZ-700000 Taŝkent, CIS 🖳: *eugeny@esper.gimli.com*

**Venezuelo:** Prof. J.E. Bachrich, Apartado VE-70782, Caracas 1071 A

Noto: *Asteriksoj indikas la landojn, kie oni ricevas la revuon tra la landa ILEI-sekcio, do kun viaj eventualaj distribuaj problemoj bv. unue kontakti la enlandajn respondeculojn.*

## LABORKOMISIONOJ

**Ekzamena:** prez.: Atilio Orellana Rojas (adreso, kovrilo 2). Sekretario de elementa kaj meza niveloj: Hans ten Hagen, (adreso, kovrilo 3)
**Lernej-konkursa:** Géza Kurucz, Hitel u.10.fszt.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario. Rete: kg@esperanto.nu
**Lernej-projekta:** Maŭro La Torre, Jennifer Bishop, Marija Beloŝeviĉ
**Terminara:** Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma, Italio
**Elekta:** Doroteo Holland - Usono, Agneta Emanuelsson - Svedio, Gwenda Sutton Nov-Zelando
**Regulara:** Rob Moerbeek, Hans ten Hagen
**Kontrola:** Membroj: Märtha Andreasson, Gertrud Lund kaj vic-membro: Bo Sandelin

## KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

**IEI:** Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando
**UEA:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando
**UNESKO** (*en operaciaj rilatoj*). Reprezentanto de ILEI: François Lo Jacomo, 21 rue Juliette Dodu, FR-75010 Paris, Francio

## MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ

La membreco inkluzivas ricevon de kvar numeroj de IPR jare. Turnu vin al via landa sekcio, kiu fiksos kotizon en via propra valuto. Por pagi rekte al la internacia ILEI, skribu al la kasisto. **Kasisto de ILEI:** *Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio; poŝtĝirkonto 682117-7 (Stokholmo).* Membrokotizoj en landoj kun sekcio: a) A-kategoriaj landoj (vidu UEA-dividon): 22 NLG al la sekcio aŭ 25 NLG rekte al ILEI. b) B-kategoriaj landoj: 20 NLG al la sekcio aŭ 22 NLG rekte al ILEI. c) En landoj sen sekcio: 20 NLG, pago al ILEI rekte. d) Simpla abono sen membreco (por E-societoj, bibliotekoj k.s.): 30 NLG. Pro altaj banko-kostoj, evitu bankĉekojn kaj eĉ internaciajn poŝtoĝirojn; taŭge plenumita Eŭroĉeko plej bonas. Alia pagmaniero estas al UEA: **UEA**, Nwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, pĝk 37 89 64. UEA akceptas kredit-kartajn pagojn. Klare indiku la celon de la pago kaj la internan konton de ILEI: *ilek-a*. Prefere informu senpere la kasiston de ILEI pri la enpago.


## REDAKCIAJ INFORMOJ

**Respondeca eldonanto** (verantw. uitgever): R. Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende. **Redaktejo:** NÉMETH József, HU-8500 PÁPA, Kilián ltp. 75/9. **Retadresoj**: *nlalt@konyvtar.c3.hu* (redaktoro), *smidik@rik.bdtf.hu* (vicredaktoro). Ni ambaŭ povas akcepti faksojn per komputilo, sed avertu nin telefone antaŭ ol vi faksas. **Telefon- kaj faksnumeroj**: +36-89 315-836 (red.) kaj +36-94 320-313 (vicred.). **Presado:** Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, ☎ +32-3-234 34 00

La nunan numeron ni sendis al la presejo la 1-an de februaro, **redaktofino por la sekva numero: la 15-a de aprilo 1999.**